# Enhavo

**Fotoj sur la kovriloj:** Diversaj agadoj en Tajvano; la ĉefa foto temas pri Tajvanaj partoprenantoj en 102-a UK en Seulo

**Desegno de la kovriloj:** Ailin Kheirkhah (Wei-ning Hsueh)

**封面與封底設計:** 薛維寧

## La unuaj vortoj

# De Seulo ĝis Vjetnamio

*Reza Kheirkhah*

Estas fakto ke kongresoj, ĉefe tiuj grandaj, havas foje gravan rolon en iu Movado. Tio estas ĝusta en kazo de la Tajvana.

Kiam okazis la Seula UK en 2017, tio kaŭzis grandan moviĝon en nia loka Movado kaj 12 el Tajvano partoprenis ĝin, kio estis rekorda. Tiam ni havis riĉan kaj bone preparitan Formoza Folio. Kaj nun pro la Azia Kongreso, kiu baldaŭ okazos en Vjetnamio, estas denove movo en nia Movado kaj ĉar iu el Pingtung partoprenos ĝin, do ni ree pensis pri nia forgestia Formoza Folio!

Mi ne iru al la detaloj, nun kaj tamen simple menciu ke por tiu ĉi numero grave helpis Benjamin, kiu redaktis ĉiujn tekstojn, krom tiun ĉi, kiu devis urĝe iri al la presejo. Roy McCoy (eksoficisto de UEA kaj mia ekskolego tie), helpis ankaŭ pri la redaktado kaj foje iom da enpaĝigo ĉe la unuopaj paĝoj. Liru helpis pri preparo de diversaj materialoj kaj Abengo, kies kontribuo kaj verkado estas grandaj benoj por nia Movado kaj ankaŭ tiu ĉi Folio.

Bonan legadon kaj krucu viajn fingrojn ke la venonta numero aperu ne post tiom longa tempo!

# Raporto pri la Tajvana Esperanto-movado en 2018

# 2018 年臺灣世界語運動報告

Reza Kheirkhah 薛瑞察

## Kursoj 課程

En la suda urbo Pingtung en Tajvano jam delonge la koro de la movado forte batas. Kursoj de Esperanto troviĝas nur tie. Kutime la Zamenhofaj festoj okazas samurbe kaj alilandaj gastoj vizitas ĝin.

在南臺灣的屏東市，長久以來都是世界語運動脈搏強勁的心臟地帶。只有在這裡有世界語課程，柴誕節通常也在這裡舉辦；也在這裡不時有外國朋友們來訪。

Jen la detaloj pri la kursoj: 以下是課程詳情：

**Kurso ĉe Pingrong-lernejo: 22 lernantoj 屏榮高中社團**：22位學生



En tiu unu el la grandaj privataj mezalt-lernejoj en la sudo de Tajvano (kun ĉ. 2000 studentoj) jam por la dektria jaro okazas Esperanto-kurso kadre de eksterkursa lecionaro.. Ĉi-jare la ĉefa instruisto estas Ingrid Chuang kun helpo de Reza. Cetere, la studentoj korespondis kun Franca E-klubo kiun gvidis Emmanuel.

在這所南臺灣大型私立中學之一的學校（全校學生約有2000人），已經持續13

年舉辦世界語社團。一般社團至少要40人才開課， 但受到學校青睞的世界語社團並無人數限制。今年由莊迎華擔任指導老師，瑞察協助。我們使用Stano Marček的「世界語直接學習法」一書做為課本。

**Kurso ĉe ChaoZhuo-lernejo潮州高中外語課程**



Por la dua semestro Cyril Vergnaud gvidas kurson de Esperanto en la gimnazio de Ĉaoĝo. Ĉirkaŭ 30 lernantoj partoprenas la kurson, kiu okazas kadre de eksterkursa lecionaro. Ofte ili spektas Kvini, la hundo de la instruisto, emerita blind-konduktanto, kiu ege ŝatas ludi kun la junuloj.

La lernantoj nuntempe laboras por projekto de Esperanta poŝtkruciĝo (ĉefe danke al Moskva Esperanto-Asocio ,MASI) kaj havas surmuran mond-mapon kie ili afiŝas poŝtkartojn proksime de la lando el kie ili venas. Se iu volas helpi, bv kontaktu la instruiston.

由夏禹龍帶領的世界語課程在潮中進入第二學期。大約有30位學生參加此外語課程。他們經常跟一隻退役的導盲犬Kvini一起上課，Kvini很喜歡跟年輕人玩。學生現在正參加莫斯科世界語協會的明信片交換專案。他們在教室牆上掛世界地圖，將收到的明信片依國別張貼在地圖上。如果有世界各國朋友願幫助此專案，請與教師聯絡。

## Formoza Folio, loka gazeto 臺灣世界語報，本地雜誌




Nia loka gazeto nuntempe aperas unufoje jare. Ĝi eldoniĝas en kvanto de 200 ekzempleroj kaj disdoniĝas en Tajvano kaj aliaj landoj.

Ĝin antaŭ jaroj redaktis kaj eldonis unue Grego Kay, Usona Esperantisto (kiu havas denaske parolantan filon, nomata Linken); kaj poste Reza Kheirkhah por jaroj kaj sekve Cyril Vergnaud nia franca Esperantisto kiu loĝas en Pingtung redaktis kaj eldonis ĝin por kelkaj numeroj kaj nun denove Reza redaktas ĝin kun helpo de Benjamin Irwin, Abengo kaj aliaj.

我們的本地雜誌是一年發行一次，其發行數量為100-200份，發行數量雖不多，但發行地方除臺灣外也分布在許多國家。

創刊人是一位來自美國的Grego Kay，他是一位世界語使用最生活化的一位世界語者，和他的小孩大部分時間都使用世界語交談。經過數年編輯發行後由Reza Kheirkhah接手編輯本刊多年，再交由現居住於屏東的法國世界語者夏禹龍Cyril Vergnaud負責編輯發行幾年後，目前編輯的工作又交回Reza Kheirkhah。不過也多了來自加拿大的Benjamin Irwin和卓照明教授（Abengo）等的大力鼎助，讓本刊更加豐富精彩。

## Partopreno en Kongresoj　研討會參與

### 1. Universala Kongreso en Seulo 2017首爾2017全球世界語大會



En 2017 partoprenis en la Korea UK 12 esperantistoj el Tajvano: rekorda nombro en la historio de la Tajvana movado. En alia parto de tiu ĉi gazeto

ni legos pri tio.

2017全球世界語大會在首爾，臺灣共有12位成員參與盛會。

## 2. Internacia Junulara Kongreso (IJK 2017 Suelo)



En 2017a IJK partoprenis Ailin Kheirkhah kaj prelegis pri Tajvano kun multaj belaj fotoj. Cetere, ŝi amikiĝis kun multaj junuloj de diversaj landoj.

**2017**青年世界語大會在韓國舉辦,薛維寧是台灣唯一一個參加的青年。並用世界語演講介紹了台灣的風俗文化,也與世界各國的青年參加者成為了好朋友。

## 3. Universala Kongreso en Lisbono 2018 kaj 2018 IJK en Badajoz

**里斯本2018**全球世界語大會；巴達霍斯2018青年世界語大會

Junulo Chu-ying partoprenis en la 2018 Lisbona UK kaj IJK en Badajoz
臺灣青年竺穎參與今年的里斯本世界語大會及在西班牙南部舉辦的青年大會

## Esperanta Festivalo de Tajvana Literaturo世界語臺灣文學嘉年華




La Esperanta Festivalo de Tajvana Literaturo unuafoje okazis en Tajvano; ĝin organizis Cyril Vergnaud, franca esperantisto loĝanta en Pingtung. Dum kvar tagoj okazis diversaj prelegoj kaj aliaj eventoj. Ĉirkaŭ kvardek homoj el sep malsamaj landoj partoprenis en la Festivalo. Venis unu vjetnama kaj du koreaj esperantistoj, sed la plimulto de la partoprenantoj estis ne-esperantistoj kiuj interesiĝis pri lingvoj kaj tajvana literaturo. Pli ol la duono povis paroli iomete la francan lingvon, kaj preskaŭ ĉiuj havis bonan nivelon

en la angla. La dua tia festivalo okazis ĉijare ĉi-foje en Dongang urbo.

首次臺灣文學嘉年華在臺南舉行，為期4天，是由來自法國的夏禹龍先生號召，參與的朋友約40人共計有來自7個不同的國家，包括2個韓國與一位越南世界語者。大部份參加者為非世界語者，但對語言及臺灣文學有興趣。有二分之一參與者會說法文，幾乎全部參與者都有良好的英語能力。此活動今年在屏東東港舉行。

## Tradukoj　翻譯

Kiel kutime ankaŭ pasintjare kaj ĉi-jare prof. Wang Ju-kwei senlace kaj daŭre tradukis multajn gravajn ĉinajn literaturaĵojn. Malgraŭ sia aĝo (nun pli ol 80) kaj foja malbonfarto, li ne ĉesis tian laboron kaj tiel nia tajvana esperantistaro povis profiti el liaj tradukoj por plialtigi sian kapablon de la lingvo kaj sian konon pri la ĉina literaturo.

La tradukaĵo-malneto *Vaka monto kaj inspira pluvo* jam estas preta. Baldaŭ aperos ĉina-Esperanta literatura libro.

一如既往，王九逵教授，今年仍孜孜不倦的翻譯許多重要的華語文學作品。儘管年逾八十，偶爾身體不適，卻沒有停止翻譯工作。因此我們臺灣的世界語者可以從其翻譯中獲益，提升自己的語言能力，並獲取華語文學的知識。

王教授的世界語譯作—許地山「空山靈雨」一書已集結成初稿，正待校對中，將來可望成為中文、世界語雙語學習教材。

## Gastoj 賓客




Ni akceptis multajn gastojn, precipe el Koreio. Ankaŭ Dennis Keefe vizitis nin por 12 tagoj kaj prelegis en kelkaj universitatoj kaj en poliglota klubo. Kelkaj gastoj kontaktis nin per Pasporta Servo.

我們接待了很多賓客，大部份是來自韓國。Dennis Keefe也來台訪問12天，他並且在一些大學及多語社團演講。有一些賓客是透過「護照服務」聯絡我們。

## Monata kunveno世界語月會

Ni havis malmulte da monataj kunvenoj ĉi-jare, kaj tamen post tiu ĉi Zamenhofa Festo ni espereble daŭre havos ilin denove per helpo precipe de Benjamin Irwin, kanada esperantisto kiu nun por la tria jaro loĝas en Pingtung.



## Eksterlandanoj loĝantaj en Tajvano住在臺灣的外國人



**Benjamin Irwin**, kanadano kiu dum kelkaj jaroj loĝis en Tajpeo. Ekde antaŭ du jaroj li loĝas en Pingtung instruante la anglan lingvon en angla lernejo. Benjamin flue parolas la italan lingvon kaj ankaŭ la francan, krom la ĉina lingvo kiun li tre bone majstras.

在屏東我們有新住民班傑明·歐文，他從加拿大來，住在臺北多年，兩年前遷居屏東在英語學校教英文。他說得一口流利的華語，此外意大利語、法語也難不倒他。

**Preston Bedwell** estas kanadano kiu loĝas en Chiayi meze de Tajvano. Li tre flue parolas la ĉinan kaj la hispanan, kaj aŭtodidakte faris rapidan progreson ĉe lernado de Esperanton.

**Preston Bedwell**是住在嘉義的加拿大人。他能流利的說華語和西班牙語，他自學世界語但進步很快。






**Cyril Vergnaud**, franco loĝanta en Pingtung, krom gvidi Esperanto-kurson en mezlernejo en Chao-Zhuo ankaŭ havas kelkajn aliajn aktivecojn, inter ili la Literaturan Festivalon de Esperanto, kiun li organizis printempe de tiu ĉi jaro kaj la pasinta jaro.

夏禹龍是住在屏東的法國人，除了在潮州高中教世界語，亦發起世界語嘉年華活動。

**Reza Kheirkhah**, iranano loĝanta en Tajvano dum 18 jaroj, helpas pri instruado, redakto de la loka gazeto *Formoza Folio*, zorgado pri eksterlandaj gastoj kaj aliaj aferoj.

薛瑞察是住在臺灣18年的伊朗人，熱心協助教學、編輯雜誌，接待照顧外國客人及其他事務。

**Jerry Lin** loĝas en Kaohsiung kaj fojfoje partoprenas niajn kunvenojn, Zamenhof-festojn ktp. Li ankaŭ estas kontribuanto al *Formoza Folio*.

Jerry 住在高雄，偶爾參加世界語的月會、柴誕節，也為〈臺灣世界語報〉寫文章。

Aliaj eksterlandaj Esperantistoj estas: **Teddy** el Indonezio, kiu loĝas en Taoyuan; **David Bell** el Usono, kiu loĝas en Tajpeo, kaj **Omura Kaori** el Japanio, kiu loĝas en Pingtung.

其他的外國世界語者：住在桃園的印尼朋友Teddy; 來自美國住在臺北的美國教授David Bell；來自日本居住在屏東的大村鑲庭女士。

*Raporto de Reza Kheirkhah en Esperanto, la oficiala revuo de UEA*

# Bruis vigle nia 102-a UK, en la lando de kvieta mateno

Reza Kheirkhah

Finiĝis la Seula UK kaj tamen restas la karaj memoroj de ĝi por ĉirkaŭ 1200 homoj, kiuj venis el 65 landoj.

Estas tiom da interesaj aferoj por rakonti, ke oni ne scias de kie komenci: Ĉu paroli pri la granda kaj agrabla kongresejo, kies belaj konstruaĵoj allogis nin, aŭ ĉu diri pri tiom da ĉarmaj koncertoj preskaŭ ĉiutage, al kiuj iris multaj homoj, tiel ke foje oni plendis pro manko de seĝoj aŭ mallonga tempo. Aŭ ĉu mencii pri La Ponto-kunveno (pri unuiĝo de Koreio), kiu okazis en la Korea Parlamentejo kie ĝia vicprezidanto bonvenigis la partoprenantojn esperantistajn kaj dum kiu la oficiala lingvo estis Esperanto!

*Kandellumo Verda* (la kongresa ĉiutaga kuriero) lumigis la ŝanĝojn kaj donis gravajn informojn. La kursoj por komencantoj fariĝis tiom popularaj, ke multaj devis sidi surplanke kaj eĉ sur la piedoj de ilia gvidantino! La kunveno por Azia Agado ne havis sufiĉe da spaco eĉ por azianoj. Kaj okazis amaso da kunvenoj kaj fakkunsidoj de japana masaĝo ĝis la korea lingvo. Tial multaj havis ofte dilemon al kiu aliĝi.

En la tago de ekskursoj la kongresejo preskaŭ malplenis. Kaj multaj faris proprajn ekskursojn kun geamikoj.

Asorti, kies membroj ludis kaj kantis pli ol tri horojn dum la Balo, preskaŭ senĉese ludis angla-lingvajn kaj Esperantajn popularajn kantojn kaj homoj, eĉ tiuj kiuj ne kutimis danci, plenigis la dancejon. Kajto same bele kiel en antaŭaj jaroj kantis siajn memorindajn kaj foje nostalgiajn kantojn. Ĵomart kaj Nataŝa ĉarmis la aŭskultantojn per siaj romantikaj kantoj kaj Eruda Li kun sia bela voĉo orienteske amuzis la ĉeestantojn.




La Internacia Vespero prezentis buntajn kulturaĵojn de tiom multaj diversaj landoj kaj la nacia vespero montris altkvalitajn muzikon, kantojn kaj dancojn de la gastiganta lando.

La koreaj volontuloj ĉe la giĉetoj pretis doni informojn ĉu pri UK-aĵoj ĉu pri iuj ajn aliaj aferoj pacience.

La urbestro de Seulo bonvenigis la kongresanojn dum la malfermo kaj amaso da Esperanto-flagoj estis en kelkaj stratoj ĉirkaŭ la Universitato de Fremdaj Studoj (HUFS), kie okazis la kongreso.

Kiam la junaj samideanoj de la IIK (Internacia Infana Kongreseto) en unu posttagmezo venis al la kongresejo por serĉi Geonklojn, la etoso estis tre kortuŝa: multaj el ili, kiuj unua-tage alvenints al la kongresejo balbutis, nun intervjuis UK-anojn. Ili ankaŭ tre bele kantis dum la fermo.

Ne, ke ne estis malglataĵoj kiel teknikaj problemoj dum la Internacia Vespero kaj malapero de elektro dum la ferma ceremonio kaj aliaj, kaj tamen plej multe da aferoj glate iris kaj ŝajnis, ke la plejmulto de la homoj estis kontentaj. Al tiu kontento kontribuis i.a. la helpemo de la LLK-anoj kaj agrablaj renkontiĝoj kun niaj prezidantoj, ĉu nuna, ĉu eksaj, kiuj kune kun la aliaj funkciuloj de nia movado estis ĉiam facile atingeblaj kaj kunbabilemaj!

Estas multo por diri kaj malestas spaco por diri ĉion. Unuvorte la Seula UK sukcese finiĝis kaj dum unu semajno en multaj lokoj en Seulo oni aŭdis Esperanton parolata de tiom da homoj el diversaj landoj. La ĉefurbo de la Lando de Kvieta Mateno dum tiu lasta semajno de julio estis sufiĉe brua kaj sendorma!

## Partopreno en UK de Seulo

# 參與 102-a UK 的心得感想

# Miaj Spertoj dum UK 2017 en Koreio

曾愷恬 Jolie Tseng




2017年7月前往參加102-a UK韓國世界語大會，是一場讓人回味無窮的回憶，猶記當時到了韓國落地出關，看到慈愛的Anima前來接機，Anima笑意滿容讓人覺得很溫暖，但又同時心疼她這麼辛苦，因為她在我們之前也接待好幾組的客人，休息睡眠並不足夠，接下來還要接待我跟Reza與愛琳還有2位來自匈牙利的女士，我們一行人坐上巴士到市區，約1.5小時，再轉乘計程車到達目的地，但因途中分散，那時也已接近深夜，格外渴望休息，尋尋覓覓之後，終於所有人與行李都匯合了，這個第一天疲累曲折得讓人很難忘，當時累到想直接睡在馬路上。

在台灣其實也學習世界語不少的時間，但來到UK遇到這麼多的世界語者，學習的速度突飛猛進，所以如果要學快一點，來UK準沒錯，而且來這邊也認識很多熱情溫暖的韓國世界語者，像Libro, Hela, Sara, Minmin, Kristalo, Hena, Maro這些好朋友幫助我們了解韓國，帶著我們去享用韓國美食、認識韓國文化、感受韓國人的親切友善，這些學習語言課程之外的東西，才是讓我深深喜歡世界語的原因，在世界語的世界，儘管是初學者，也可以用真誠的心交到很多的朋友，舉個例子來說，原本在咖啡廳閒聊的我們，遇到來自波蘭的世界語者，剛開始互動並不多，我們能聊的也有限，但就憑著開放真誠的心態，還有台灣人的的好客，分享台灣零食給她們，自此之後便打開了樊籬，讓我們發現他們熱情大方，善於溝通聊天，而且也挺有個性的，聊了一會兒，後來她們也

回贈來自波蘭的肉乾，也留下幾張快樂的合照。

參加UK還有一個很重要的任務，我們在出發前幾天得知UK有開幕活動，主辦單位希望我們台灣可以有一場表演，行事果決迅速的麗如接受這個任務後，也很快將表演節目定調好，會是台灣民謠「望春風」+民俗技藝「扯鈴」，團員們因為沒有練習，時間也已逼近要出發的日期，根本沒時間練習，大家很怕表演不好，所以有點排拒表演，不想在幾千人面前出糗，想來就可怕尷尬，但當時為了有可能被趕鴨子上架，不管有沒有上台，我還是去買了一個新的扯鈴，並加緊練習，其他人也是趕緊練唱望春風，但還是不希望上場，一邊練習一邊喊退，很沒自信的渡過每個練習的時刻，原本以為會像是度假般的輕鬆學習之旅，也因為這個表演感到緊張萬分，表演前兩天大家才真正聚在一起練鈴練唱練走位，練完之後扯鈴竟然不見了，情況高潮迭起真是讓人緊張，回想起這些準備過程，搞笑跟衝突的時刻常常是穿插進行，常常讓我們的氣氛好似坐雲霄飛車，急轉直下又翻轉向上，面對這些事件，團員們或許各自有不同的想法，但對我而言這些經驗都是很特別的，這種過程應該要記錄起來，畢竟大家同心協力去完成一件事，實在不應該被遺忘，而且當天大家在舞台奮力一搏的樣子實在太美了，事後也獲得滿堂彩，當下有一種以台灣人為榮的驕傲，這些都是難忘的回憶，感謝曾經堅持的每一位。




UK有很多的課程可以參加，晚上也有很多的表演節目，如音樂會或話劇，所有的活動都可以自由參加，但有些比較熱門的課程與表演，建議提早入席參加，這樣才能確保有位置觀賞。由於我的世界語目前屬於初學者的程度，所以我選了Parola Leciono，總共是八堂課，Katalin老師教學風格有趣又簡單，上課無冷場 ，幾乎是場場爆滿，所以我們從第二

堂課開始都會提前去報到，因為上課同學實在太多了，就連門口也都站滿了學習者，甚至有些人是世界語老師，她們來觀摩Katalin是如何教學，有些是程度還不錯的學習者，像我們是屬於最初階的學習者，但不管你是屬於何種學習者，都能保證您有所收穫，並且快樂學習，本來我們沒有什麼信心完成8堂課，但由於課程太有趣了，我們還是排除萬難，每天都很早起的去上課，有時候會下點小雨，原本都會有點小抱怨，因為實在是睡不夠，早餐也吃的很急，直到我們拿到了Katalin親筆簽名的結業證書，這一切辛苦都瞬間消失，這一堂Parola Leciono強力推薦給初學者，她會幫助你有一個很清楚的發音，而且也會幫助你建立很好的學習心態。

回想起這趟旅程收穫滿滿，很鼓勵各位世界語者去參加 UK，但參加UK並不是單純旅遊，若參加UK只是把時間放在吃好吃的美食，遊覽風景名勝、逛街血拼可能會錯失掉更深入了解世界語的機會，那就跟一般旅行是一樣的，其實如果藉由當地世界語者朋友的幫忙，反而可以用最經濟的消費吃到最道地的食物，用最有效率的交通轉乘方法去看到很好很不一樣的景點，並且是因為由當地朋友帶領，反而可以用當地人的角度去認識這個國家，最重要的是你不會像是一個觀光客一樣，到此一遊便回家，你回憶起來的故事會很生動，也會對這一個國家有不同的感情，藉由這次UK讓我了解到原來世界語的圈子並不如之前所想像的侷限，是可以真的使用這個語言去幫助你探索世界而不用擔心被拒絕，但前提之下是自己必須注意到禮貌與相互尊重，不然到哪裡都會是一個不受歡迎的人物喔！我想我就分享到這裡，希望有機會我還能在分享下一次參加UK的心得文章給大家閱覽。

En julio 2017, mi partoprenis en la 102-a UK en Koreio kun 11 aliaj samideanoj el Tajvano. Mia partoprenado en la Seula UK 2017 fariĝis neforgesebla memoro. Mi volas kundividi miajn spertojn kun vi.

Mi memoras, ke kiam tajvanaj kongresanoj aperis ĉe la elirejo de la seula flughaveno, korea samideano Anima jam atendis nin. Estis malfacila situacio por Anima, ĉar ŝi jam akceptis grupojn da gastoj el aliaj landoj, kaj poste bezonis bonvenigi Reza-n kun lia filino Ailin kaj min, kaj du gastinojn el Hungario.

Anima gvidis nin al la buso por iri al la urba centro. La buso veturis 1,5 horojn, kaj de la bushaltejo ni plie prenis taksion por atingi nian loĝejon. Jam estis nokto

kaj post longa vojaĝo en aviadilo kaj buso ĉiuj estis lacaj kaj emis tuj ripozi. Mi kvazaŭ volis dormi surstrate! Sed malgraŭ la tiufoja laceco mi forte rekomendas, ke se vi volas lerni Esperanton kaj ĝui la feliĉon en Esperanto-lando, vi nepre foje aŭ ofte partoprenu en ia internacia Esperanta kunveno kiel Universala Kongreso.

Mi konatiĝis kun multaj koreaj samideanoj, kiel Libro, Hela, Sara, Minmin, Kristalo, Hena kaj Maro, kiuj proponis helpon al mi dum la UK. Mi lernis ne nur Esperanton, sed ankaŭ pri la kulturo, manĝoj kaj popolo de Koreio.

Ĉe la kongresa kafejo ni renkontiĝis kun kelkaj esperantistoj el Pollando. Malgraŭ



la malsimileco de la pola kaj tajvana lingvoj, kaj malgraŭ la mallerteco de ni tajvananoj en Esperanto, ni ambaŭflanke povis afable konversacii kaj fari bonan kulturinterŝanĝon per Esperanto. La polaj samideanoj gustumigis al ni delikataĵojn el Pollando kiel ŝinketo kaj dolĉaĵoj. Ni ankaŭ reciproke donacis al ili bildkartojn, tajvanajn dolĉaĵojn ktp. La interago kun ili montras kiel oni povas krei amikecon rapide inter



malsamaj popoloj per Esperanto.

Dum la kongreso okazis multe da programeroj. Mi kaptis la ŝancon partopreni en la kurso "Parola Leciono" de Katalin Kováts. La instruistino Katalin parolas Esperanton bele kaj scias kiel instrui Esperanton al internaciaj komencantoj. Ŝia instruado estis tiel ŝatata ke kelkaj lernantoj devis stari ekstere de la plene okupita lernoĉambro. Ne nur lernantoj sed ankaŭ kelkaj instruistoj partoprenis en ĝi por lerni de ŝiaj spertoj pri instruado. Mi fiere gajnis diplomon post okhora lernado ĉe tiu kurso.

Antaŭ la kongreso ni estis informitaj ke okazos internacia kultura vespero kaj invititaj fari ion dum la vespero. Tio estis nefacila tasko por ni. Ni devis kune lerni kanti kaj danci por reprezenti Tajvanon. Mi pensis, ke kiel pasigi feriojn tio estos malstreĉanta vojaĝo de lernado. Tamen pro la prezentado mi sentis tre streĉita.

Dum la kongreso ĉiutage ni trovis liberan tempon por antaŭprovi nian prezentadon dum unu-du horoj. Mi decidis kontribui mian lertecon ludi per diabolo (ludilo kun pilko). Du tagojn antaŭ la performo, mi eĉ perdis mian nove aĉetitan diabolon post la praktikado, kvankam ĝi retroviĝis je la ĝusta tempo.Dum la internacia vespero ni sukcese kantis en Esperanto la belan tajvanan kanton "Sopiro al printempa zefiro", dancis laŭ la indiĝena popolo de Tajvano, kaj vestis en tipa kostumo de la ĉin-devena Hakka-popolo. Dum mi ludis diabolon, tajvana muziko estis prezentita. Nia prezentado ne estis tiel profesia, sed nia preparado kaj nia bonvolo estis sinceraj kaj pro tio ni gajnis multe da aplaŭdo de la mil kelkcento da ĉeestantoj. Tiam mi fieras kiel tajvanano. Pri tiuj okazaĵoj, miaj kunuloj eble havis siajn opiniojn, sed por mi tiuj spertoj estas tre specialaj kaj neforgeseblaj. Ĉiuokaze ni kune plenumis unu aferon. Dank' al ĉiuj, kiuj persistis.

Ĉe la vespero de internacia foiro ni havis nian budon por prezenti Tajvanon. Kopioj de la tajvana gazeto Formoza Folio, t-ĉemizoj de Tajvana Esperantujo kun tajvana rano, kaj DVD-oj de filmo en Esperanto E-Sha Epoko estis sur la tablo por montri aŭ vendi, kaj ĉiuj tajvananoj vestis la saman Esperantan t-ĉemizon desegnitan de Ailin, la filino de Reza.

Ĉi-vojaĝo estas plene da rikolto. Mi kuraĝigas esperantistojn partopreni en UK, sed partopreni UK-n ne estas simpla turismo. Se vi intencus nur gustumi bongustan manĝaĵon, kaj spekti vidindaĵojn, butikumi, eble vi maltrafus ŝancon por lerni plu pri Esperanto. Kaj tio similas al ĝenerala vojaĝo. Fakte, laŭ la gvidado de lokaj esperantistoj, vi povas ekonomie elspezi por gustumi aŭtentikan manĝaĵon, kaj per la plej efika veturilo por spekti belaĵojn, kaj koni la landon pere de la perspektivo de lokaj popoloj. La plej gravaĵo estas, ke vi ne estos kiel ĝenerala turisto. Hejmreveninte, la rememoro estas tre varme vigla kaj kortuŝita. Pere de Seula-UK, mi eksciis, ke esperantujo ne estas tiel limigita kiel mi pensis antaŭe. Estas vere, vi povas esplori la mondon per ĉi tiu lingvo sen zorgi pri esti malakceptita, sed nur devas atenti la ĝentilecon kaj respekton unu la alian. Alie, kien ajn vi estos ne bonvenigita. Esperante, ke mi havu ŝancon dividi la sperton de sekvanta UK kun vi ĉiuj.

**Esperantigis: Cho Chao-Ming (Abengo), Ingrid**



# Kiam "Ne" estas "Jes"!

黄藍萩 Sofi Huang



La 102-a UK en Seulo por mi estis nova vojaĝa sperto. Tio estas mia unika vojaĝo en Esperantujo, kaj ankaŭ estis mia unua fojo memstare veturi taksie en Koreio. La jeno okazis dum mia restado en Seulo.

Ĉiutage tie kun miaj amikinoj mi povis per metroo iri al kongresejo por vidi diversajn programojn. Kiel komencanto mi ankaŭ aliĝis al la baza kurso. Tamen iun tagon mi devis iri al kongresejo sola, ĉar mi havis la bazan kurson kaj deziris mem iri.

Mi staris sur la strato, serĉante iun bonan taksion kun afabla kaj bonkora ŝoforo. Mi pensis, ke mi povos montri la nomkarton de la universitato (kie okazis la UK) al taksia ŝoforo kaj eble, se mi bonŝancos, mi sukcese alvenos al la universitato por la E-kurso. Bonege!

Atendinte momenton, mi vidis kaj vokis iun taksion, kies ŝoforo ŝajne estis bona. Tamen mi estis tre ege streĉita, kaj dum la taksio iris fikse rigardis al la fenestro kaj eksteren por serĉi iajn memoritajn stratojn kaj vendejojn, tamen rekonante nenion.

Mi laŭte ekparolis kaj ploretis kaj tuj diris: "Ne, ne, ne tie!" La ŝoforo respondis: "Ĉong ĉong ĉong." Ni neniom komprenis unu la alian. Nia parolado funkciis neniel, do la taksio haltis ĉe la angulo de strato. Mi pagis kotizon kiun la ŝoforo petis kaj malpli multe ol la montrite en la prez-ekrano de la taksio. Kiam la taksio foriris de mia vidkampo, mia koro ankoraŭ batis rapide pro timo. Ŝajnas al mi, ke mi estis forlasita en iu nekonata loko. Sed subite miaj okuloj brilis. Jen konata vendejo, apud la universitato. Ho, ĉi tie, jen la universitato.

Poste mi komprenis, ke la vorto *ne* en Esperanto signifas *jes* en la korea lingvo.

Kompatinda ŝoforo!

在首爾參加世界語大會是我首次的旅行及在國外搭計程車的經驗、

事情是這樣！

在首爾的日子我和世界的朋友都一起上世界語各種課程及參加各種節目

通常我們都搭地鐵來往！有一天我必須自己去世界大會學校上初級的課程！那天我站在街上尋找適合的計程車，友善的司機！

我想拿出學校的明信片給司機看、再加上一些好運、我應該可以到達學校。

不久我搭上了看起來很友善的計程車，但是我依舊要非常謹慎、盯住車窗一切的景物、靠著記憶尋找學校附近的商店、街道。

當我不知道身在何處時！我慌了、大喊Ne, Ne, ne tie! 可憐的司機也跟著叫chong chong chong ,我們就這樣鴨聽雷……直到車子停在街道的角落、我付了折扣後的車資、並不能讓我不害怕獨自站在異鄉不知名的街道上！下車後！我定下神一看！哦！在街道不遠處就是學校了！

事後才知道、世界語的Ne是韓語的Yes的意思！

可憐的司機大哥！我向您致歉！

## Tajvana Vivo

# Pilgrimado al Dabajian-monto

# 大霸尖山朝聖之旅

**Ingrid Chuang**



山巔風頗大， 氤氳雲霧縹緲

巖巉奇峰， 時隱時現

似與山友同樂~

#三天跋涉約63km

仰賴的不僅僅是體力

也是意志力的堅持

感謝神領隊神隊友^^:)

107.10.19~21

Tajvano estas malgranda, sed troviĝas multe da altaj montoj tie kaj montogrimpado estas populara. La 20-an de oktobro, mi kaj miaj amikoj sukcese supreniris Dabajian-monton (大霸尖山) kiu situas en la nordo de Tajvano inter la gubernioj Miaoli (苗栗) kaj Ŝinzhu.(新竹) kaj kiun oni povas vidi sur la malantaŭa flanko de la tajvana 500-dolara monbileto. Dum tri tagoj ni marŝis ĉirkaŭ 63 kilometrojn kvarope.

En la unua tago, portante grandajn dorsosakojn, laŭ la arbara vojo ni marŝis sub

pluveto proksimume 19 kilometrojn ĝis la ekirejo. Depreninte niajn pluvmantelojn, iomete ripozinte, sekve ni eksupreniĝis. Laŭ la montvojeto ni marŝis kaj marŝis ĉirkaŭ kvar kilometrojn ĝis tranoktejo. Kvankam survoje videblis akvofalo kaj belaj pejzaĝoj, kaj estis kelkaj ŝtonaj tabloj kaj seĝoj sur kiuj ni povis ripozi, ni ne povis restadi longe sed nur fulmrapide rigardis. Nokte mi ne bone dormis, eble pro la malvarmeco, ronkado de montgrimpantoj kaj alia bruo.

La sekvan tagon ni ellitiĝis frumatene je la 3:30 por prepari matenmanĝon. Vidante la ĉielon plenan je brilantaj steloj, ni miris. Ili tiel dense kaj belege kolektiĝis, kvazaŭ arĝentaj bidoj enkorpigitaj en la nokta ĉielo. Samtempe, iu montgrimpanto estis klariganta konstelacion kun granda ĝojo. Estis ege feliĉa momento. Matenmanĝinte, ni eksupreniris al la celo. Pli kaj pli tagiĝis dum ni marŝis, kaj la bela pejzaĝo kun montoĉeno aperis antaŭ niaj okuloj jen kruta, jen ebena. Daŭrigante nian marŝadon ni finfine atingis la montopinton, kie vento blovis forte. La pejzaĝo de Dabajian-monto estis kovrita de nuboj kaj nebuloj, kaj jen ĝia vizaĝo aperis klare. Ĝi ŝajne petolis antaŭ la montogrimpantoj. Fotuminte, por sekureco ni ne antaŭeniris al alia, pli alta monto, nome, Ŝiaŭ-ba-jian-monto (小霸尖山) je 3360 metroj de alteco, sed komencis malsupreniri. Sur la vojo ni haltis ĉe montodomo por ripozo kaj kafumo, kaj ankaŭ vizitis du altajn montojn, nome Jiali (加利山) altantan je 3112 metroj, kaj Ize (伊澤山) altanta je 3297. Por vespermanĝo ni preparis frititan rizon kaj miso-supon, kaj ankaŭ iomete teumis.

La trian tagon ni denove frue vekiĝis. Matenmanĝinte kaj repakinte niajn dorsosakojn, ni komencis malsupreniri; jen denove atendis nin 23 kilometroj da marŝado ĝis la aŭtomobila parkejo.

Tio estis granda defio por mi. Tia vojaĝo dependas ne nur de la korpa energio, sed ankaŭ de persista vol-forto. Dankegon al miaj kunuloj pro ilia kuraĝigo. Lacegaj ni estis, tamen ĝojplenaj!

## Raportoj

# Esperanta Festivalo de Tajvana Literaturo

**Cyril Vergnaud**




La 2-a Esperanta Festivalo de Tajvana Literaturo komenciĝis per vizito de la Yeh Shyr Tau-Muzeo (葉石濤文學紀念館), kiu situas en la urbo Tajnan apud la Nacia Muzeo de Literaturo. Yeh Shyr Tau (葉石濤) estis fama tajvana poeto kaj erudiciulo pri la historio de tajvana literaturo. Pro la verkoj de d-ro Yeh kaj lia laboro pri tajvana literaturo, kiel la famaj libroj Sen lando, sen literaturo (沒有土地，哪有文學), Malakordoj de tajvana literaturo (台灣文學的困境), kaj Skizo de historio de tajvana literaturo (台灣文學史綱), oni karesnomis lin "patro de la literatur-teorio".

Posttagmeze, Cyril Vergnaud oficiale malfermis la festivalon parolante en Esperanto; Ping-Wen Tu (杜屏雯) interpretis ĉine. Ili klarigis pri la ĉi-jara temo de la festivalo "Ŝanĝi la mondon per vortoj" kaj prezentis la programon kaj la prelegantojn. Ili ankaŭ parolis pri la libroj kaj artaĵoj kiujn oni povis vidi en la foto ĉe la fono de la ĉambro. La libroj estis verkoj de la prelegantoj kaj kolekto de Formoza Folio. La

ekpozicio konsistis el poŝt-arto sendita de artistoj tra la mondo, kun la temo "Perfekta mondo".

Post la malfermo okazis la unua prelego de la festivalo. D-ro Yi-Jen Fu (傅怡禎) el la National Junior College en Taitung prelegis pri la evolucio de tajvana poezio tra epokoj kaj ankaŭ kiamaniere pingtungaj verkistoj influis la tajvanan poezion. D-ro Fu estas fama loka verkisto; inter liaj multaj libroj estas libro pri poemoj en Pingtung (大武山下的美麗韻腳) kaj alia por instrui poemojn al geadoleskantoj (青少年讀本). Interpretis d-ro Chao-Ming Cho (Abengo), emerita profesoro ĉe National Marine Kaohsiung University.

La dua preleganto estis d-ro Jerome F. Keating, usonano loĝanta en Tajpeo. Li jam verkis kvin librojn pri tajvana historio, kaj lia lasta libro pri tajvana kartografio tra la historio ĵus aperis. Sed d-ro Keating ne estis tie por paroli pri historio, sed pri paradigmoj kaj kiamaniere, per ŝanĝo, ni povus plibonigi la mondon. Li samtempe prezentis sian libron The Paradigms That Drive Our Lives and Guide Our Souls. La interpretisto al Esperanto estis Benjamin Irwin, kanada Instruisto kiu loĝas kaj laboras en Pingtung.



La duan tagon okazis ekskurso al Anping, norde de la urbo, kie nederlanda militistaro unue enloĝiĝis en la 17-a jarcento. La partoprenantoj vizitis ĝian fortikaĵon kaj poste manĝis la bongustan lokan salikokan manĝaĵon ŝia-ĝuen (蝦捲) kaj la faman glaciaĵon tsua-bing (刨冰) .

Posttagmeze okazis vizito al loko kiu nomiĝas Ŝu-Hu (樹屋). Tie, banjanoj invadis malnovajn domojn per radikoj kaj branĉoj. Ili keskis tramure kaj trategmente tiel ke

vizitantoj ne povas rigardi ilin sen pripensi pri kio okazus se homa vivo malaperus el la surfaco de la tero.

Matene la sekvan tagon la homoj spektis filmeton de la nederlanda poetino Anneke Buys, kiu estus ŝatinta partopreni en la festivalo sed bedaŭrinde ne povis. Ŝi do faris filmeton kiun – danke al Klementina (林欣樺) kaj Nami (林怡均), kiuj aldonis ĉinajn subtekstojn – ĉiuj povis facile kompreni. Anneke parolas pri sia sperto kiam ŝi partoprenis en poet-renkontiĝoj en Tajvano. Poste ŝi klarigis pri kiamaniere poezio povas inspiri aliajn artformojn, servi kiel ilo por kompreni homojn el aliaj kulturoj, kaj finfine havi terapeŭtan valoron.



Posttagmeze, post vizito al la Nacia Muzeo de Literaturo (國立台灣文學館) gvidita de Abengo, okazis vizito al la tre fama artmuzeo Ĉi-mei (奇美博物館). Tie oni vidis ne nur pentraĵojn kaj skulptaĵojn, sed ankaŭ aliajn ekspoziciojn pri natura historio, antikvaj armiloj, muzikaj instrumentoj, malnovaj aparatoj ktp.

Matene en la lasta tago Jerry Amato, pastro kaj esperantisto el Kaohsiung, gvidis kaj ĉine kaj Esperante viziton al la Biblia Muzeo en Pingtung (聖經博物館). En ĉi tiu muzeo troviĝas pli ol 400 biblioj en pli ol 300 malsamaj lingvoj. S-ro Amato prelegis pri la historio de la biblioj, kaj poste la homoj partoprenis en ludo ĉe kiu ili bezonis trovi librojn kaj respondi al demandoj.

Je la dua horo ĉe la Pingtunga universitato, d-ro Maurie Sween el Usono prelegis ĉine pri la temo “Instrui per rakontoj kaj fabloj”. Lia interpretisto estis Jerry Amato. D-ro Sween verkis la libron La kuniklo de Ĉarli (家樂的兔子), surbazitan de lokaj aboriginaj rakontoj kiujn pliaĝuloj tradicie uzis por instrui moralon al geknaboj.

Post paŭzo prelegis la fama tajvana lingvisto d-ro Chung Raung-fu (鍾榮富) pri la temo “Malapero dum tradukado”. D-ro Chung verkis multajn librojn, kiel ekzemple A Course in Linguistics, uzatan de instruistoj en universitatoj. Sed li ankaŭ tradukis

librojn de poemoj el la hokla, hakka kaj mandarina lingvoj al la angla. Interpretis d-ro Chao-Ming Cho (Abengo).




Ĉirkaŭ kvardek homoj el sep malsamaj landoj partoprenis en la festivalo. La plimulto estis neesperantistoj kun intereso pri lingvoj kaj tajvana literaturo. Pli ol la duono povis parolis iomete la francan, kaj preskaŭ ĉiuj havis bonan nivelon de la angla. Pro tio neesperantistoj povis kompreni parton de la Esperanta traduko. Parenteze, ni denove volas danki al du koreaj gastoj s-ino Anima（Kim Ok Jeong) kaj s-ino Jesa(Lee Hyonsuk), kaj al prof. Wang Jiu-Kwei (王九逵) el Taoyuan kaj al la lernantoj de Tatung-Gimnazio en Pingtung (屏東大同高中), kiuj partoprenis en la festivalo.

## Zamenhof Festo 2018 de Tajvano—

## Ekskurso al Tainan kun Tajvana Esperanta Amikaro

## 台江遊覽與紀念柴門霍夫誕辰之 2018 年世界語文化節

**Abengo 阿明哥**

**Enkonduko 前言**

Zorginte de Liru, helpinte de ardaj esperantstoj kiel Reza, Ingrid, Kevin kaj Abengo,la ekskurso kaj Zamenhof festo 2018 okaziĝis sukcese en Tainan je la Muzeo de Tainankanalo la 9an de decembro, 2018.

Buso ekiris ĉe Memora Domo de Generalo Sun Liren en Pingtung, kiu prenis dekkelkajn partoprenantojn unue, poste en Tainan stacio de rapida trajno prenis

Abengo, Prof. Wang kaj tri anojn de norda Tajvano. Dum ĉiuj enbusiĝis, oni kantis esperantajn kantojn aŭ tajvanajn kantojn en esperanto feliĉe.

## Birdorigardo ĉe Nacia Parko de Taijiang 在台江國家公園的賞鳥

La unua stacio de nia ekskurso estis la birdorigarda pavilono de Nacia Parko de Taijiang, kie oni povis rigardi belajn sezonajn birdojn.

## Prezentado pri Taijiang kaj la Nacia Parko de Taijiang

## 在六孔觀光中心之江公園簡報

La dua stacio de nia ekskurso estis la turisma akceptejo de Liukong. Oni paŭzis kelkajn minutojn kaj poste rigardis dek-minutan prezentadon pri la historio kaj geografio de Taijiang kaj la ekologia medio por la valoraj fiŝoj, birdoj kaj plantoj.



## Ĉe la Administrejo de Nacia Parko de Taijiang台江國家公園遊客中心

La tria etapo de la ekskurso estis ĉe la Administrejo de Nacia parko de Taijiang. Estas vendejo por vendi la memorajn librojn kaj poŝtkartojn, famajn frandaĵojn de la regiono. Estas bonaj afiŝoj kaj ekspozicioj kiuj montras interesaĵojn pri la parko. Oni povis fari fotojn preskaŭ je ĉiu anguloj ĉirkaŭ la domo. Se oni venus vespere ĉ. la kvina, oni povus vidi kaj foti la belan sunsubiron tie.

## Zamenhof festo je la Muzeo de Tainankanalo柴門霍夫世界語文化節在台南運河博物館舉行




Je la tagmezo ni finfine atingis la domon de Anping doganejo por tagmanĝi kaj Zamenhof festo. Venis kelkaj el Kaohsiung aŭ norda Tajvano por aliĝi al la festo.

Pli malpli dudek anoj partoprenis la feston. Inter ili rimarkinde estis indoneziaj Teddy Nee kaj lia fratino Sherly, korea instruisto de hispana nacieco, KIM Hanbin, studento de Nacia Sun Jet-sen Universitato, prof. Wang, Abengo, kaj kanada instruisto Benjameno.

**Anoncisto Kevin gvidis la feston 施驊恩主持大會活動**

Post tagmanĝo je la unua horo la kunveno de la festo komenciĝis, kaj Kevin laboris kiel anoncisto de la festo. Li estas lojala esperantisto kiu ellernis Esperanton ĉe Reza, kaj mastrumas Klinikon de Piedmasaĝo en Pingtung. Li flue parolis Esperante kaj enkondukis la ĉeestantojn aŭ invitis ilin sinprezenti.

**Ingrid pri la taŭgeco de Esperanto kaj siaj spertoj per Esperanto 莊迎華報告學習世界語好處及她的親身經歷**

Unue Ingrid parolis dulingve pri Esperanto kaj kiel oni povas utiligi ĝin. Ŝi menciis ke la Komuna Staĝo de Koreaj kaj Tajvanaj Esperantistoj okazis en Pingtung tre sukcese en 2017 kaj la partoprenado de 14 tajvananoj al la Universala Kongreso en Seulo 2017 estis rara atingo. Poste ŝi gvidis la ludon de demando kaj respondo. Ŝi demandis: ”Kiom da horoj dormas aŭstralia besto koalo ĉiutage? ” aŭ „“kiom da ankoraŭ vivantaj lingvoj estas en la mondo?”　Tiuj, kiuj respondis ĝuste, gajnis etan premion.

**Interparolo de Reza kaj Teddy Nee 兩位世界語者的對話**

Poste, Reza intervuis la indonezian Esperantiston Teddy Nee pri lia poligloteco kaj lernado de Esperanto. Jen ilia dialogo :




**Reza**: Ĉu vi povas sin prezenti al la ĉeestantoj?

**Teddy:** Mi estas Teddy Nee el Indonezio. Mi iris al Tajvano por la alta studado por gajni la diplomon de magistrado pri komputila programado. Antaŭ dek jaroj kiam mi venis al Tajvano, parolis nur la ĉinan provincan lingvon de Hokien, kiu estas simila al la pli ofte parolata lingvo de Tajvano, kaj pri la mandareno mi tute ne povis paroli. Pro bona medio ĉe la universitato kaj ĉiutaga vivo dumjare mi jam povis paroli mandarenon flue. Ĉar mi ŝatas la vivon en Tajvano, kaj mi trovis bonan laboron en Tajvano, mi restas en Tajvano post mia studado. Mi nun laboras en Taoyuan kiel programisto.

**Reza**: Oni konas ke vi estas poligloto. Kiom da lingvoj vi scipovas?

**Teddy**: Krom miaj denaskaj lingvoj, la indonezia kaj hokjenana, mi povas paroli pli malpli flue Esperanton, la mandarenon, la anglan, la nederlandan, la portugalan, la hispanan lingvojn. Kelkajn aliajn lingvojn mi jam klopodis lerni kaj iomete ekkonis. Tiuj estas la lernantaj lingvoj ekzemple, la franca, la turka, la germana kaj la rusa.

**Reza**: Kiu lingvo estas la plej malfacila fremdlingvo por vi?

**Teddy**: La rusa.

**Reza**: Kiel vi sukcese lernas fremdan lingvon?

**Teddy:** Mi lernas ĝin diligente, kaj uzas ĝin ĉiutage, kaj ĉiam aŭskultas kaj parolas.

**Reza**: Kial vi lernas Esperanton aŭ aliajn lingvojn?

**Teddy**: Esperanto estas la plej bona planlingvo kaj mi tre facile ellernis ĝin kaj povas uzi ĝin. Se mi lernas aŭ ellernas la lingvon de iu fremda lando, la lando malfermiĝas al mi, kaj mi povas facile koni ĝian kulturon kaj komuniki kun ĝia popolo.

**Reza:** Teddy! Dankon por la intervjuo.

**Prelego de Abengo 阿明哥談臺灣歷史和日據時期的台灣世界語活動**

Post la intervjuo, Abengo prelegis pri la disvolviĝo de Tajnano kaj la tajvana Esperanta movado dum japana regado. Fakte tempo mankis al tiel grava temo, kaj la ekrana prezentado ĉe ekstere sub la arbo ne estis tiom klara, kaj ĝenerale dirite la hela lumo kaj la vento iom malhelpis lian prelegon. Feliĉe la enhavo de lia prelego troviĝis en la Zamenhof-broŝuro aŭ videbla ĉe Facebook.




**Korea Esperantsito KIM Hanbin parolis pri Tajvano kaj Koreio 韓國新進世界語者演講台灣人與韓國人的差異**

Post iom da paŭzo por havi trinkaĵon aŭ manĝetojn kaj rigardi libroservon, nove bakita korea esperantisto parolis pri la kulturaj samecoj kaj malsamecoj inter koreoj kaj tajvananoj.

La parolanto estis KIM Hanbin, naskita en Hispanio kaj kreskita en Gyeonggi-provinco de Sud-Koreio kaj ĉ. 30-jaraĝa. Li eklernis Esperanton ne pli ol unu jaro antaŭe. Li ŝatas orientan kulturon kaj amas memstaran vojaĝon. Li studis ĉe Chungyuan Kristana Universitato kaj estas tradukisto de ĉinaj libroj.

## 12a MONA kunveno en Irano–

# Internacia kaj kun riĉaj programoj en urbo de rozoj

**Surush Mohammad-Zadeh**



Dum 28-31a de Aprilo okazis Mona 12a Kongreso en Irano per organizado de IREA (Irana Esperanto-Asocio). MONA estas mallonigo de: MezOrienta kaj NordAfrika.

La urbo kie la kongreso okazis estis Kashano la fama kaj tradicia urbo de Irano kaj ĝi situas je distance de 3:30 horoj de la ĉef-urbo Tehrano direkte al sudo.



Tie en urbo oni produktas "Akvo de Rozo" kiu estas sufiĉe konata en la mondo kaj ĝi estas uzata kiel parfumo kaj eĉ oni uzas ĝin en manĝaĵoj kaj

dolĉaĵoj.

En Kashano estas multaj vidindaj lokoj ekz. Fin Banejo , Abjaneh Vilaĝo , Subtera Urbo ktp.

IREA elektis tiun urbon por aranĝi kunvenon de MONA, ĉar kutime fremduloj tre ŝatas viziti tradiciajn lokojn en Irano kiam ili venas por iu simila kongreso.

ĉifoje partoprenis entute 38 personoj el kiuj 20 estis fremduloj (de Francujo, Svislando, Germanio, Belgio , Britujo , Romanio) . Multaj el ili vojaĝis por la unua fojo kaj ĝuis agrablan Iranan etoson malgraŭ foje malbonaj novaĵoj pri Irano en la amas-komunikiloj internaciaj.




Partoprenantoj komencis ekveturi de Tehrano buse al Kashano. Oni manĝis Iranan tradician tagmanĝon ĉe la hotelo.

Diversaj prelegoj okazis inter ili pere de: Annie Grente, Renato Corsetti, Tatijana Loskutova, Benjamin Kwiecien, Mireille Grosjean, Nazi Solat (la prezidantino de IREA) kaj fine Keyhan Sayadpour prezentis allogan aŭkcion.

# En la komuna kongreso de Koreio kaj Japanio

**Chen Liru**




La 2-a Komuna Esperanto-Kongreso de Japanio kaj Koreio okazis en Nara de la 12-a ĝis la 14-a de oktobro 2018 . Mi partoprenis ĝin kun mia patro. Antaŭ tio ni gastiĝis en Kanazawa, renkontiĝis kun D-ro Kawanishi , kiu ĉiĉeronis nin al la belaj urbaj parko kaj kastelo.



Antaŭ kaj post la kongreso mi prezentis mian sperton de lernado en Oomoto kursoj de Esperanto. Oomoto Centro mirigis min pro tio ke ĝi estas paca kaj bela loko, kiel Esperantujo.

# Irana Nova Jaro en Taichung

**Reza Kheirkhah**



En la 22a de Marto (la tagon post la Irana Nova Jaro) ni celebris ĝin en Chung Hsing universitato國立中興大學 en Taichung , kie D-ino Azar karimi nuntempe laboras kiel esplora profesoro pri ekonomio. ŝi estas el Irano kaj ankaŭ portas la titolon de la unua prezidanto de IREA (Irana Esperanto-Asocio).

Partopreni la kunvenon diverslandaj studentoj de la universitato kaj ankaŭ kelkaj Irananoj. Unu tuta familio (S-ro Hamid Zeinali kaj lia Tajvana edzino kaj tri filinoj) venis kun multe da Iranaj aĵoj por tiu celebrado. Cetere ili ankaŭ kuiris person manĝon tradician, kiun ĉiuj partoprenantoj ŝatis. El Pingtung partoprenis Reza, Liru kaj Kevin. Ni ankaŭ kaptis la okazon kaj prezentis Esperanton post la prelego de Reza pri Irana nova jaro. La organizantoj estis D-ino Karimi kaj la universitato.



## Nederlandanoj en Tajvano bicikle!



Mieke (68) kaj Wim (69) Verberne bicikle vojaĝis en Tajvano dum 2 semajnoj en oktobro de 2018. Ili per Pasporta Servo kontaktis Liru, tranoktis en Pingtung 2 noktojn, kaj renkontiĝis kun Esperantistoj de Pingtung.

## Partopreno en UK kaj IJK

Wu ChuYing partoprenis en Lisbona UK kaj poste ChuYing iris al Hispanio por aliĝi al IJK. Ili multe ĝuis la amikecon kun diverslandaj Esperantistoj.



## Recenzo

# "Kroniko pri onikrimoj"
# pri "Septembre, surstrate en Tokio"

Jorge Camacho

http://katalogo.uea.org/katalogo.php?inf=9625




Mi legis tiun ĉi libron en la urbo Pingtongo, en Tajvano, insulo kaj lando kiujn la japana imperio koloniis de 1895 ĝis 1945. Kaj jen kiel komenciĝas la antaŭparolo por la esperanta versio: "En septembro 1923, trafis Tokion senprecedenca tertremego. Pereis 105 mil homoj pro urba incendio en kelkaj tagoj. Poste, en la kaosa stato, japanaj popolanoj kaj soldatoj masakris en sia kolero sennombrajn laboristojn koreajn kaj ĉinajn".

Temas pri tio kion en Hispanujo oni nun nomas "historia memoro". Ĉi-okaze nome eviti forgesi la tiaman murdadon de koreaj kaj ĉinaj laboristoj (kaj, escepte, de junaj japanaj aktivuloj de laborista sindikato, aŭ de japanoj kiujn oni "erare"

mortigis kredinte ilin koreoj aŭ ĉinoj).

La aŭtoro faras tion per prezentado de realaj atestoj (kun la veraj nomoj kaj de multaj murditoj kaj de iuj murdintoj aŭ murd-instigintoj) ne nur fare de supervivintaj koreaj viktimoj sed ankaŭ de personoj kiuj pasive aŭ eĉ aktive ĉeestis la krimojn; de aŭtoritatoj kaj policestroj mem disvastigintaj falsajn informojn pri neokazintaj ribelo aŭ atencoj fare de koreoj (iuj ĵurnaloj faris simile); kaj, cite el diversaj fontoj, atestoj de volontulgrupanoj, policanoj kaj soldatoj kiuj kunkulpis kun japanaj popolanoj aŭ civitanoj en la mortigoj de koreoj kaj ĉinoj, kaj eĉ kiuj rekte mortigis.

La ĉapitroj aperis unue kiel artikoloj en specifa blogo pri la temo, kiu esploras ankaŭ la radikojn de tiaj krimoj (plej ofte en ligo kun rasismo kaj naciismo) kaj la konkretajn motivojn de la krimintoj por agi tiel, ĉefe la kredo je onisupozoj pri imagitaj putvenenadoj aŭ dombruligoj fare de koreoj, en kombino kun la paniko de elitoj obsedataj pri t.n. "publika ordo". Similan fenomenon oni observis jardekojn poste en aliaj regionoj de la terglobo kiel Ruando, eksa Jugoslavio aŭ Nov-Orleano (Usono) post la uragano Katrina en 2005.

Ni faru momente paŭzon aŭ parentezon pri la esperantigo. La kutimaj esperantujaj 'gramatakistoj' eble plendos pri iuj eraretoj aŭ nekutimaj lingvouzoj, el kiuj mi menciu nur jenajn: artikolo antaŭ monatnomoj (p. 13: "la julio", kaj plu en la libro), eble pravigebla anst. majusklo, malgraŭ la tradicio, tamen ne uzata sisteme de la tradukinto; trouzo de "kvazaŭ" anst. simpla "kiel" (en komparo, la ĝenerala komparvorto "kiel" sufiĉas, dum "kvazaŭ" tro emfazas la kvazaŭecon); probabla misuzo de "sia" (p. 45, noto 1, en "mortigi sian ĉefon" kredeble devus esti "lian", t.e. aliulan, ne la ĉefon de la mortiganto mem); "konsistata" anst. "konsistanta"; "apenaŭ" anst. "preskaŭ" (p. 85, 144); "Inferno" anst. "infero" (p. 187); sampaĝe, se blankulojn la tradukinto nomas blankuloj, kial li uzas por nigruloj apartan radikon "negroj"? (mi mem sentas tion ekdiskriminacia lingvero).

Persone al mi plaĉas la tradicia sobra, rekta, simpla (kvankam al mi ne ĉiam tute klara) stilo de japanoj, kio cetere neniel implicas elekton de nur fundamentaj radikoj aŭ simile. Kial "al mi ne ĉiam tute klara"? Eble pro la ĝisnuna troeŭropeco

de la vorta kaj fraza sintaksoj de onia Esperanto. Indas legi ĉi tiajn verkojn jen kaj jen por forlavi de sia Esperanto almenaŭ iom de tiu troa eŭropida lingva rigideco. Kio tamen ne malvalidigas la ĉiaman dezirindecon de revizio fare de ali-lingvaj kompetentuloj, ne nur de japanoj.

Nu, ni konsciu ke tiu ĉi verko temas pri masakro kiel ĉenero inter du militoj: same kiel la krimoj de japanaj soldatoj en Ĉinujo kaj Koreujo komence de la dudeka jarcento antaŭtempis la malhumanan linĉadon de senkulpaj, sendefendaj eksterlandaj civitanoj en Tokio kaj aliaj urboj en 1923, ankaŭ tiu ĉi murdaro siavice antaŭtempis la fifarojn de la japanaj imperio kaj armeo en Azio en la sekvaj du jardekoj, ĝis Aŭgusto 1945 (kompareble, estas konate ke generalo Franco, dum la hispana interfrata milito, realigis kolonian militon kiel tiun jam provitan de li en norda Afriko, kaj same faris Hitler tra tuta Eŭropo dum la dua militego, traktante civitanojn kiel nehomojn).

La ĉi-supre menciitaj atestoj kune kreas faktofidele rakontan raporton pri la sinsekvo de la murdoj, inkluzive de harstarigaj detaloj pri la mistraktado de kadavroj, sed ankaŭ pri la aktiva kaj riska defendo de persekutataj koreoj fare de iuj japanoj.

Prave oni legas sur p. 195: "Nei la fakton de la masakro signifas prepari estontan masakron". Sed la aŭtoro trafe rilatigas la lokojn de la tiamaj buĉadoj kun la nuno, ekzemple kun la samaj hodiaŭaj kvartaloj de Tokio, de kiuj presitas fotoj. Ĉio tio bonvenas en la nuna epoko de falsaj novaĵoj, informoj kaj onidiroj, kiam eĉ verdkoraj "samideanoj" facil-anime balotas por Bolsonaro, Duterte, Farage, Netanjahu, Orban, Salvini, Trump kaj aliaj naciisme fremdulfobiaj popolflataj politikistoj.

Japanaj esperantistoj povas kaj devus legi tiun ĉi verkon ĉu en Esperanto ĉu en la japana originalo. Ni, ali-naciaj legantoj, pensu pri rasismo kaj rasismaj krimoj en niaj propra lando, historio, medio, vivo.

**Poemo**

# La ĉevaloj 駿馬圖

**Jorge Camacho**




Laŭ la ĉina zodiako, mi naskiĝis ĉevalo.
Sur pentraĵo, ok ĉevaloj jen kuras sen rajdisto, sen selo.

Ĉiu galopa ĉevalo kondensas jaran dekduon,
kaj ĉiun dekduan jaron okazas cikloripeto.

Ĉu inter la kvina kaj sesa ĉevaloj mi staras?
Ĉu inter la kvina kaj kvara? Mistero.

Ni same povus bildigi ĉiun ŝanĝon de ciklo
desegnante linion per inko sur blanka papero.

Restas nur scii kiun signon ĉinlingvan ni skribas,
ĉu el kvar, kvin, ses, sep, ok aŭ pli multe da strekoj...

**Prezentado de Tajvano**

# La Biblia Muzeo en Pingdong

## 屏東聖經博物館

**Marko Lin**



Mi deziras bonvenigi ĉiujn homojn viziti la Biblian Muzeon en la urbo Pingdong. La eklezio presbiteria konstruis novan konstruaĵon de kvar etaĝoj malantaŭ la originala preĝejo. En la tegmenta etaĝo estas malgranda aŭditorio, taŭga por geedziĝoj. En la kvara etaĝo estas biblia muzeo, en kiu estas pli ol sescent biblioj, en tricent lingvoj. Kiam vi vizitas, vi povas serĉi vian denasklingvan biblion. Vizitanto povas vidi hebrean kaj grekan bibliojn, kaj ankaŭ vidi germanan biblion (reproduktaĵon) kiun Martin Lutero tradukis antaŭ kvincent jaroj. En la kabinetoj ankaŭ estas biblio kiun Prezidanto Lee Teng-hui uzis. Ankaŭ estas biblioj kiujn pastro kopiis mane--japana, ĉina, angla, tajvana romanletera tradukoj.La muzeo speciale kolektis bibliojn de sepdek lingvoj de la Filipinoj, pruvante ke kristanoj

volas pasigi multan tempon por prepari biblion por ĉiuj denaskaj lingvoj. Vi ankaŭ povas vidi bibliojn en multaj lingvoj de la aborigenoj de Tajvano kaj mandarenan, tajvanan, kaj hakkaan tradukojn. Antaŭ viziti, mi sugestas ke vi unue vidu la retpaĝon www.tantou.org/bmus kaj kontaki la eklezion por fiksi tempon. Ili bonvenigas pli ol kvin homoj kiuj aĝas pli ol 15 jarojn vizite kune. Bonvolu baldaŭ kontakti 08 732 3585 (Pingdong Presbiteria Preĝejo, Pingdong, Ren Ai Vojo, #56).




我想歡迎大家參觀屏東市的聖經博物館! 屏東長老會蓋好四層樓的建築物在原來教堂的後面。頂樓還有小間的禮堂，很適合小型的婚禮。四樓有聖經博物館，裡面有六百多本聖經，三百種語言。你參觀時，也可以找你自己母語的聖經。參觀者可以看到希伯來文以及希臘文的聖經，也可以看到馬丁路德五百年前翻譯的德文聖經(複製本)。展示櫃裡也有李登輝總統用過的聖經，也有一位牧師用手抄的聖經--有日語、中文、英文、台語羅馬拼音。博物館特別匯集菲律賓七十種語言的聖經，證明基督徒願意花非常多的時間為每一個民族預備母語的聖經。你也看得到台灣各種原住民語言的聖經以及國語、台語、客家話的譯本。參觀前最好先看此網站 www.tantou.org/bmus並且先跟教會約時間。他們歡迎五個人(以上)同行，15歲以上的參觀者。請盡快聯絡 08 732 3585 (屏東長老會屏東市仁愛路56號)。

# Mi kaj Esperanta amikeco

Teddy Nee 倪琨珉




Ni ĉiuj jam scias ke per Esperanto oni povas amikiĝi pli facile kun fremdaj homoj ĉar Esperanto estas vera lingvo de amikeco. Mi loĝas en la urbo Taojuano (Taoyuan 桃園) kiu situas en norda Tajvano. Kvankam la nombro de esperantistoj en norda Tajvano ne estas granda se oni komparas ĝin kun tiu en la suda parto, kie la Esperanto-movado kreskas pli vigle, mi tamen sukcesis amikiĝi per Esperanto.

Estas fremduloj, kiuj venas al Tajvano por instrui la anglan aŭ labori alimaniere; ankaŭ estas tiuj, kiuj venas por studi en la universitatoj kaj pro edziĝo. Tio igas Tajvanon internacia loko, kie oni povas paroli plurlingve kaj sperti aliajn kulturojn, tute sen lasi la komfortan vivon en Tajvano.

Ene de tiom multe da fremdaj lingvoj, Esperanto estas ankaŭ trovita kaj parolata de malmultaj parolantoj kaj lernantoj. Tiu malmulteco fakte fortigas nian Esperantan amikecon, ĉar esti esperantisto en Tajvano estas unika.

Sube estas la rakonto de mia nova esperanta amiko kiu nomiĝas Sequoia Edwards el Svedio. Li venis al Tajvano kun sia edzino kaj ambaŭ ili povas paroli Esperante.

Rakontu iomete pri kiel vi esperantiĝis

Mi trovis artikolon kaj lernolibron en la feroa lingvo pri Esperanto.

**Kie vi estis kaj kion vi faris antaŭ ol veni al Tajvano?**

Mi estis en Sendai, Japanio kiel alilanda studento

**Kia estas via sperto uzante Esperanton por trovi samideanojn en Tajvano?**

Mi estas tre nova al Tajvano, sed tamen rapide trovis du samideanojn.

**Kiel vi uzas Esperanton ĉiutage?**

Ĉe Tvitero.



**Kion vi volas celi per Esperanto?**

Estus bone se lernejoj ĉie instruus Esperanton kiel helpilon por lernado de pli malfacilaj lingvoj kiel la angla.

Sequoia estas afabla amiko kaj ankaŭ li estas poligloto. En unu renkontiĝo mi spektis lin paroli angle, Esperante kaj japane. Kompreneble li scipovas ankaŭ sian denaskan lingvon, la svedan. Tio estas mirinda! Dum la skribado de tiu ĉi artikolo, li kaj lia edzino loĝas en la urbo Taojuano.



Krome, mi ankaŭ konas esperantistojn el Usono kaj Suda Koreio.

La usona esperantisto nomiĝas Cheyenne kaj li estas instruisto de angla lingvo en la urbo Taojuano. Li estas poligloto kiu konas, krom la angla, la germanan, la ĉinan, Esperanton, la hispanan kaj la nederlandan.

Mia sudakoreia amiko estas nova lernanto de nia lingvo. Lia nomo estas Cako (koree, Kim Han Bin) kaj li estas entuziasmulo pri lingvoj kaj jam studis multajn. Li parolas ĉine tre bone, tiel ke eĉ koreanoj ne kredas ke li estas koreano. Sube estas miaj kelkaj demandoj al Cako pri lia sperto.

**Kie vi estis kaj kion vi faris antaŭ de veni al Tajvano?**

Mi estis en Koreio kaj studis klasikan ĉinan lingvon antaŭ ol veni al Tajvano.

**Kia estas via sperto uzante Esperanton por trovi samideanojn en Tajvano?**

Mi lernas Esperanton jam de ĉirkaŭ unu monato. Mi renkontis unu samideanon en Tajvano. Li venis el Indonezio kaj diris ke en la mondo ekzistas facila kaj utila lingvo, Esperanto. Tiutempe mi ne konis, sed komencis lerni ĝin.

**Kiel vi uzas Esperanton ĉiutage?**

Post kiam mi eklernis Esperanton, mi sciis ke ĝi estas tre utila. Ekzemple, mi iris al librejo en Tajpeo kaj rigardis libron skribitan en la franca, komprenante tre multajn vortojn en ĝi. Mi fartas bone ĉar mi povis trovi samideanojn en Tajvano, kaj mi pensas ke tio estas bona sperto por ekzerci pri la lingvo. Mi lernas Esperanton tra lernu.com kaj Esperanta lernolibro ĉiutage.



Unutage viro kontaktis min per Amikumu, kaj tiam mi sentis ke mi jam vidis tiun ĉi viron antaŭe – sed kie? Nu, mi pensis kaj pensis, kaj finfine mi memoris ke tiu ĉi viro iris al Indonezio antaŭe kaj ke mi jam vidis lin sur bildoj de miaj indoneziaj esperantistaj amikoj. Lia nomo estas Mitchell el Ĉikago en Usono. Li vojaĝas ĉi tien, ĵus alvenis Tajvanon kaj do kontaktis min; mi decidis do renkonti lin en Tajpeo, ĉar kvankam mi ne loĝas tie, ĝi estas sufiĉe proksime por mi.

Kvankam estis nia unua rekontiĝo, ni povis interbabili kiel malnovaj amikoj. Ni parolis pli diversaj temoj kaj trovis ke ni havas komunajn amikojn. Ĉio eblas pro nia lingvo, Esperanto!

Krom amikoj kiujn mi renkontis ĉi tie en Tajvano, ankaŭ estas unu speciala persono kiu diligente lernas Esperanton de mi. Ŝi devenas el la urbo Kalgario en Kanado kaj nomiĝas Christy. Sube estas mia mallonga intervjuo kun ŝi.




**Rakontu iomete pri kiel vi esperantiĝis.**

Mi komencis lerni per kelkaj retkursoj, kiel Duolingo kaj Lernu. Mi ankaŭ komencis skribi Esperantajn mesaĝojn al amikoj el diversaj landoj.

**Kia estas via sperto uzante Esperanton por trovi samideanojn?**

Mi ne trovas multajn esperantistojn en mia urbo, sed mi ŝatas paroli rete kun esperantistoj tra la mondo.

**Kiel vi uzas Esperanton ĉiutage?**

Mi kutime legas Esperante per sociaj amaskomunikiloj ĉiutage.

**Kion vi volas celi per Esperanto?**

Mi volas vojaĝi kaj daŭri renkonti novajn amikojn.

**Kiel vi trovis min?**

Per iTalki.

Supre priskribitaj estas nur kelkaj el ĉiuj miaj esperantistaj amikoj. Mi vere feliĉas havi la ŝancon pli bone koni la mondon kaj aliajn kulturojn per Esperanto, kaj plej bone estas ke mi havas  la ŝancon ĝui internacian amikecon. Dankon al Esperanto!

## Bicikle el nordo ĝis sudo—

# Miaj mirindaj spertoj en Tajvano

Roy McCoy (eks-oficisto de UEA)

Mi certe volis viziti Tajvanon dum la mondvojaĝo kiun mi entreprenis post mia emeritiĝo de la Centra Oficejo de UEA, kie mi laboris precipe kiel prespretigisto kaj Jarlibro-redaktoro. Tamen aperis diversaj malhelpoj, kiuj dum ioma tempo igis mian iron tien aspekti neverŝajna. Unue, kvankam en la nova eldono de Pasporta Servo aperis aktiva gastigantino en la suda urbo Pingtung – kie loĝas Reza, malnova amiko mia de la CO kiun mi volis revidi – ŝi estis okupata de familiaj aferoj kiam mi unue volis, kaj de laboraj aferoj poste. Reza mem estis ne plu aktive listigita en Pasporta Servo, tiel ke estis nesciate pri kie mi loĝus en Pingtung, kaj mi ne havis alian vojaĝcelon sur la tajvana insulo, kaj havis entute tre malmultan scion pri la lando.



Malgraŭ tiu manko de antaŭvidata loĝejo (kiu ne multe gravis, ĉar per la retejo airbnb.com estas nuntempe facile trovi nemultekostan ĉambron preskaŭ kie ajn en la mondo), mi ankoraŭ volis kaj planis iri al Tajvano, kaj do sendis mian kunvojaĝantan biciklon de Ŝanhajo, kie mi troviĝis lige al premi-ceremonio de la konkurso Teo kaj Amo, al Fuzhou, unu el du ĉinaj urboj de kiuj iras al Tajvano pramoj – kvankam malpli ol antaŭe pro la nuna ekzisto de malmultekostaj flugoj kaj la populareco de tiuj ĉi. Mi ne deziris flugi ĉar mi povus iri prame sen devo malmunti kaj enskatoligi la biciklon kaj transporti ĝin poste al la flughaveno (ĉiam granda ĝeno krom en la tre maloftaj lokoj kie eblas akiri biciklan skatolon en la flughaveno mem), kaj la pramo estis la sola alternativo. Fuzhou tamen ne

kunlaboris kun mia plano, kaj mi ne sukcesis vojaĝi de tie eĉ kun la helpo de loka esperantisto. Ni unue devis trovi vojaĝ-agentejon kiu vendis prambiletojn, kaj kiam ni atingis ĝin aperis diversaj problemoj pri la bileto. Precipe temis pri tio ke por eksterlandanoj ne eblis aĉeti nur unudirektan bileton, devis esti kaj ira kaj revena, kaj cetere necesis reveni tien al Fuzhou norde dum mi volis reveni al Xiamen sude, la alia urbo kun pramoj al/de Tajvano.

Feliĉe mi estis ĉeestinta Esperantan feston en Fuzhou, ĉe kiu esperantistino invitis min fari viziton al Xiamen, kaj memorante tion mi decidis ja iri al tiu alia urbo kaj preni la pramon de tie. Mi volis iri al Taichung, pli-malpli en la mezo de la insulo (la urbo kaj ne la regiono, same kiel ĉe aliaj urbo/regiono-nomoj poste), kaj la kompreno de mi kaj de unu el miaj Esperantaj helpantoj en Xiamen estis ke la pramo de la tago en kiu mi volis iri iros tien. Montriĝis last-momente ke ĝi tamen iros ne tien sed al Keelung-urbo, tute norde. Ne volante atendi preskaŭ plenan semajnon por pramo al Taichung (kvankam la tagoj jam pasigitaj en Xiamen estis tre agrablaj kaj mi tre dankemas al miaj novaj amikoj tie), mi iom grumble akceptis iri al Keelung, kie mi do alvenis la sekvan matenon post nokto da bona dormado sen alia kun-vojaĝanto en mia seslita kajuto.

Estis trajn- kaj bus-stacioj ĝuste ĉe la haveno en Keelung, tiel ke eblintus iri tuj al Pingtung. La distanco tamen ne ŝajnis al mi tro longa, kaj mi do decidis iri al Pingtung bicikle tra la okcidenta flanko de la insulo. Tiu distanco poste montriĝis iel esti duoble pli granda ol mi komence erare komprenis kaj mi do fine uzis kaj trajnojn kaj busojn, sed almenaŭ en la komenco mi intencis ĉiom bicikli.

Post ioma umado de Keelung kaj precipe ĝia Zhongzheng-parko, mi biciklis la kvardek kilometrojn al Xizhi-distrikto en Nova Taipei-urbo – kio montriĝis esti surprize granda defio en la komenco, ĉar mi elektis piediran vojon en Google-Mapoj (biciklaj map-indikoj mankas en Tajvano kaj aliloke en Azio, kaj aŭtomobilaj indikoj ofte metas onin en ŝoseon kie bicikloj estas malpermesataj), kaj la vojo indikita, kun krutegaj ŝtuparoj, estis preskaŭ neirebla kun peze ŝarĝita biciklo kiel la mia. Mi tamen fine venkis la aventure malhelpajn barojn, sed ne emis pluiri kiam mi atingis mian loĝejon en Nova Taipei-urbo ĉar pluvis kaj daŭre

pluvis, tiel ke mi fine pasigis kvar noktojn tie.

Bedaŭrinde mankis esperantistoj en tiu loko, sed dume Liru, la PS-anino en Pingtung, skribis al mi kun rekomendo ke mi nepre vizitu la Suno-Luno-lagon kaj rondiru ĝin, la tiea vojo estante laŭdire eĉ la plej bela biciklo-vojo en la mondo. Reza subtenis tiun proponon, kaj do kiam la pluvo finfine ĉesis mi biciklis al la urbocentra bus-terminalo en Taipei kaj vojaĝis vespere al la lago. La vetero estis perfekta la sekvan tagon, kaj mi ja ĝuis belegan promenon laŭ la bonvena rekomendo kiun mi estis ricevinta. Unu tago de la lago jam sufiĉis, tamen, kaj mi do biciklis la sekvan al Zhushan, kie mi estis rezervinta ĉambron. Laŭ mirinda koincido, kiam mi estis ĵus foririnta mi renkontis tajvananinon kiu loĝis ĝuste en Zhushan kaj estis reironta tien post sia feria biciklado ĉe la lago. Ni fiksis rendevuon en Zhushan, kie ŝi kaj ŝia edzo poste portis min al restoracieto kaj regalis min per vespermanĝo. La sperto tie, ankaŭ kun la interesa airbnb-gastiganto, estis tre agrabla.



Reza estis sendinta aliajn rekomendojn, ke mi vizitu ankaŭ la Alishan-natur-rezervejon kaj la urbojn Tainan kaj Kaohsiung survoje al Pingtung. Mi unue respondis ke kvankam mi ŝatus iri al Alishan mi ne povas, pro la distanco kaj pro la ekscesa kruteco de la vojo supren, kiun mi rimarkis en Google-Mapoj. Sed poste mi ekhavis la ideon, ke se mi povus iri *buse* al Alishan, mi povus poste sperti mirindan subiregon, ĝuante la krutecon kiu antaŭe ŝajnis malebligi mian iron. Kaj do tion mi faris, unue biciklante de Zhushan al Chiayi kaj pasante la nokton tie. Estis malfacile aranĝi la transporton de la biciklo en la buso ĉar mankis la kutima spaco en ĝia subo, sed fine mi sukcesis kaj atingis la altejon. Tie dum la sekvaj tagoj mi vidis antikvajn arbojn ĝis

du mil jar-aĝajn kaj spektis la fabelan sunleviĝon super la montoj. La posta bicikla subirego, kiel antaŭvidite, estis fantasta... kaj neniel priskribebla!

Mi bezonis du tagojn da biciklado por atingi Tainan-on kaj Reza pravis, ĝi certe indis je vizito. Mi havis komfortan sed malmultekostan ĉambron tie kaj restis kvar tagojn, aparte ĝuante la mirindan Chimei-artmuzeon, kiun mi komence supozis esti nobela palaco el pasinta jarcento, sed kiu montriĝis esti fin-konstruita antaŭ nur tri jaroj kaj do komplete nova, se laŭ malnova klasika stilo. Mi ankoraŭ miras kaj ĉiam miros pri la kvazaŭ mirakla fenomeno, kio estas tiu muzeo. Bedaŭrinde mi alvenis malfrue en la posttagmezo ĉar Google-Mapoj denove metis min en tre malfacilan vojon – fakte estis eĉ nenia vojo en parto de ĝi, kie mi devis tra-barakti arbustaron. Tamen mi feliĉe alvenis sufiĉe frue por vidi la tutan kolekton, eĉ se pli rapide ol mi estus ŝatinta.

Sekve mi plu biciklis al Kaohsiung, kie mi denove kaptiĝis – unue per drakaj pagodoj kiajn mi neniam antaŭe vidis – kaj pasigis kelkajn noktojn. Reza estis menciinta belegan publikan bibliotekon, kiun mi do vizitis kaj tie spektis impresan videon pri ĝia estigo, kiu ŝajnis esti afero pli de la urba popolo ol de la loka registaro. Tio ŝajnis al mi modelo por estonta konduto de la tutmonda homaro – ne la nefidindaj registaroj faru, sed la popolo mem, kiu ja povas se la popolo de Kaohsiung tiel povis.

Fine mi atingis mian komencan celon, Pingtung. Komence estis nek Reza nek Liru kiu akceptis min, sed la masaĝej-estro Kevin, alia esperantisto kiu surprize proponis gastigi min en sia masaĝejo, kie mi dormu sur masaĝa tablo. Mi unue pensis ke mi faros tion nur unu nokton, por ne rifuzi la afablan oferton kaj por havi tiun unikan sperton dormi en masaĝejo. Sed montriĝis surprize komforte tie kaj mi tre volonte restis dum miaj du pluaj tagoj en Pingtung, dum kiuj mi renkontiĝis kun aliaj esperantistoj Ingrid kaj Benjamin, ekskursis al ananasejo kaj aborigena vilaĝo kun Liru kaj Yuri, kaj fine eĉ ricevis masaĝon de esperantisto Rico.

Mi intencis pasigi pli da tempo en Pingtung, sed pli kaj pli alproksimiĝis la 19-a de decembro, kiam mi devis esti en Hanojo por la 20-jariĝa festo de ĝia loka E-asocio, kaj la pramaj ebloj por reiro estis tre malmultaj. Kiam estis decidite ke mi finos

rondiron de tuta Tajvano inkluzive de ĝia orienta flanko, Reza kaj Kevin sidiĝis kaj faris por mi mirindan tagplanon, kun plena detalaro pri busoj kaj trajnoj, laŭ kiu mi iru sinsekve al la urboj Taitung, Hualien, Yilan kaj Taipei, fine atingante la havenon de Taichung por preni la pramon de la 14-a de decembro al Xiamen, kio donus al mi plurajn tagojn por atingi la eventon en Hanojo – ĉiujn el kiuj mi fine bezonis, ĉar pro problemo pri vjetnama vizo mi alvenis preskaŭ nur last-momente, en la tago de tiu evento mem. Sed mi vere tre ĝuis la tempon kaj antaŭ kaj post Pingtung en Tajvano, kaj mi tre kore dankas al Reza, Kevin kaj ĉiuj pro ilia tre afabla kaj ĉion ebliganta helpo al mi en tiu via lando. Ĝis revido!

## Miaj spertoj en Tajvano

**Etienne Eunson**




Mi estas usonano kiu studis la ĉinan lingvon por universitataj studpoentoj dum tri monatoj en Tajvano. Mi restis tie de la 26-a de aŭgusto ĝis la 1-a de decembro 2017, pasigante plejparton de mia restado en la ĉefurbo Tajpeo sed ankaŭ vojaĝante al aliregionaj lokoj kiel Jiayi, Tainan, Pingtung kaj Yilan, kaj poste al najbaraj landoj kiel Honkongo kaj la insulo de Okinaŭo en Japanio. Kiel usonano, mi rimarkis ke la tajvanaj urboj estas densaj kaj relative malgrandaj,

sed samtempe modernaj kaj komfortaj. Kompare al mia hejmloko en Usono, estis tre konvene povi iri al iu ajn loko sen aŭto. La metroo kaj trajn-sistemoj estis iom similaj al tiuj en Eŭropo, kiun mi antaŭe vizitis: rapidaj kaj konvenaj. Tajvananoj estis tre amikemaj kaj bonvenigaj; ili kuraĝigis min pri mia studado de la ĉina lingvo kaj ĉiam estis scivolemaj pri kiu mi estas, de kie mi venas ktp. Trovi bongustajn manĝaĵojn ankaŭ estis senprobleme; mi vizitis noktan bazaron preskaŭ ĉiuvespere! Mi ankaŭ rimarkis ke ekzistas manĝaĵoj en Tajvano kiuj ne ekzistas en Usono, kiel speciala ananas-kuko kaj multaj diversaj gustoj de lakto, kiujn mi tre ŝatis gustumi. Rilate al Esperantujo, mia plej memorinda sperto estis renkontiĝi kun amiko Teddy Nee ĉiusemajne por babili kaj amuziĝi en Tajpeo tute en Esperanto. Tiel mi rapide fluiĝis en la lingvo. Ankaŭ, mi vizitis la urbon de Pingtung en la suda parto kaj ekkonatiĝis kun multaj esperantistoj tie, inkluzive la fama instruisto en Esperantujo, Reza Kheirkhah. Tiuj estis neforgeseblaj spertoj por mi. Resume, mi povas diri ke mi vere amas Tajvanon, kaj esperas iun tagon reiri tien. Tajvano estas aminda!

## Pensoj pri mia lasta sperto en Tajvano

## 默想我在台灣的最新經歷

**Esperanto & ĉinan : Ramsey Cardwell / Racio / 水銳明**




Je la kvina fojo, sed certe ne la fina, mi decembre alvenis al Tajvano. Ĉi-foje mi venis viziti mian koramikon, kiu studas la ĉinan lingvon ĉe Gaŭŝjong-a Normala Universitato. Kiel miaj antaŭaj restadoj en

Tajvano, dum ĉi tiuj pasintaj du monatoj mi multe vojaĝis kaj renkontiĝis kun esperantistaj geamikoj. Sed ĉi tiu restado malsamis en du manieroj – ĉi-foje mi estis manĝanta nur vegetare, kaj mi intensive studis la tajvanan (aŭ sudminan) lingvon. Mi tiel havis tute novajn spertojn en jam konata lando kaj pli profunde komprenis la ideologion de Esperanto.

我12月第五次回到了台灣，也絕對不是最後一次。 這次我來看望在高師大學習國語的男朋友。 就像我之前在台灣停留一樣，在過去的兩個月裡，我經常旅行，並會與世界語者朋友們見面。 但這次來台在兩個方面有所不同：這次我全面吃素，而且我比較努力地學了台語，也稱為閩南語。 所以我在一個熟悉的國家有了全新的經歷，更深刻地理解了世界語的意識形態。

Mi fariĝis vegetarano (je la dua fojo) antaŭ kvar jaroj, kaj intertempe mi ne vizitis Tajvanon. Do ĉi tiu fojo estis la unua kiam mi plene spertis la vegetaranan vivo en Tajvano. Ankaŭ mia koramiko konsentis manĝi tutvegetare dum mia restado. Ni trovis ke Tajvano estas vegetara paradizo! En preskaŭ ĉiu strateto troveblas vegetara manĝejo, kaj eĉ en normalaj restoracioj la kelneroj sufiĉe bone komprenas la vegetarismon. Kvankam la kialo estas budhismaj kredoj, ĉi tiu fenomeno rilatas al Esperanto kiel la lingvo de internacia paco; kiel promociantoj de la paco, ankaŭ multaj esperantistoj manĝas vegetare por la bonstato de kaj bestoj kaj la naturo.



四年前我第二

次成為素食主義者，從此以來我沒有來過台灣。 所以這次是我第一次充分體驗台灣的素食生活。 我的男朋友也同意在我逗留期間全面吃素。 我們發現台灣是素食天堂！ 在幾乎每條小巷都有一個素食餐廳，甚至在普通的餐廳，服務生也很了解素食主義。 雖然原因是佛教信仰，但這種現象與世界語有關，因為世界語是國際和平的語言，由此許多世界語者作為和平的倡導者也因為動物和自然的福利而吃素。

Ĉar mi ĉi-foje nek studis plentempe nek laboris, mi ankaŭ trovis tempon sekvi lecionojn pri la tajvana lingvo. La tajvana estas bela kaj historiplena lingvo, sed ĝi ankaŭ enhavas kelkajn malfacilaĵojn, ĉefe la ŝanĝiĝo de tonoj. La tajvana uzas sep tonojn, kaj en frazo la tono de preskaŭ ĉiu silabo ŝanĝiĝas. Tiu ŝanĝiĝo estas aŭtomata kaj subkonscia por denaskaj parolantoj, sed lernantoj de la tajvana devas memorigi kaj apliki la komplikajn reglojn de tonoŝanĝiĝo. Tiu fenomeno igas min plivalorigi la simplecon de Esperanto.

由於我此次在台沒有全日制的學習或工作責任，因此我也能抽出時間上一對一台語課。 台語是一種充滿美麗和歷史的語言，但它也有一些困難，特別是聲調的變化。 台語使用七種聲調，在一個短語中，幾乎每個音節都會變調。 這種變化對於母語人士來說又自動的又潛意識的，但是學台語的人必須熟記並應用複雜的變調規則。 這種現象使我進一步地欣賞世界語的簡易性。

Kvankam lerni la tajvanan estas malfacile, ĝia studado kunportas plurajn avantaĝojn. Tajvanlingvanoj elkore reagas kaj kuraĝigas tiujn, kiuj provas lerni ilian lingvon. Plie, per la tajvana oni pli bone komprenas aspektojn de la moderna tajvana kulturo, ekzemple tajvanajn dirmanierojn, ŝercojn kaj loknomojn. Sed la studado de la tajvana ankaŭ igas min pripensi la rilatojn inter la multaj lingvoj parolataj kaj parolitaj en Tajvano – la ĉina, la japana, la tajvana, la hakaa, kaj multnombraj aborigenaj lingvoj. La historiaj kialoj por ilia aktuala distribuo povus plenigi plurajn librojn, sed simple dirite, la pli forta etna aŭ politika grupo kelkfoje volis disvastigi sian lingvon. Tio memorigis min pri tiu Esperanta ideologio, kiu diras ke Esperanto estu helpa lingvo kaj ne anstataŭu gepatrajn lingvojn, ĉar la Esperanta komunumo promocias lokajn kulturojn kaj la perdo de lingvo signifas perdi kvanton de la respektiva kulturo.

雖然學習台語有點困難，但是學習它也會帶來幾種利益。 台語使用者熱情洋溢地對待和鼓勵那些試圖學台語的人。 此外，通過台語你能更好地瞭解現代台灣文化的各個方面，如台灣人的口頭語、笑話、以及台灣地名。 但學習台語也讓我思考了目前和過去在台灣使用的多種語言之間的關係：國語，日語，台語，客家語，以及眾多的原住民語言。 它們目前分佈如何的歷史性原因可以填寫幾本書，但只是說，有幾次強大的種族或政治團體想要讓他們的語言更廣泛。 這讓我想起了世界語意識形態的一部分，就是世界語是一種輔助語言，並不意圖代替母語。 此之所以是世界語社會欣賞當地文化，而且失去一門語言意味著失去了對應文化的一部分。

Mi ĉiufoje ĝojas reveni tajvanen, manĝi ĝiajn bongustaĵojn, renkonti amikojn, kaj profundigi mian scion de tiu lando. Laŭ mi, manĝi vegetare kaj studi la tajvanan estas du bonaj manieroj por eksterlandanoj pli profunde kompreni Tajvanon. Kaj ju pli oni lernas pri Tajvano, des pli oni rimarkos la rilatojn inter lingvo, kulturo, historio kaj politiko.

我總是很高興回到台灣，吃美食，見朋友，加深我對這個國家的知識。 據我說，吃素和學習台語是外國人對台灣加深理解的兩個好方法。 你越了解台灣，就會越注意語言、文化、歷史和政治之間的關係。

# Tajvano, kie loĝas miaj sopirataj geamikoj

**Park Jeong Suk (Zelkova)**




Antaŭ ol foriri al nekonata mondo, mia koro ĉiam forte batas. Scivoleco pri aliaj landoj igas min eliri el mia lando Koreio. Se oni havas novajn geamikojn kiuj loĝas en fremda lando, malfacilas bridi la deziregon renkonti ilin! Mi ankaŭ volis rerenkonti tajvananojn kiujn mi renkontis kaj kun kiuj mi amikiĝis dum la 102-a UK (Seulo, 22-29 julio 2017). Unuafoje mi havis alilandajn Esperantajn geamikojn.

Kiam mi estis invitita de Liru viziti ŝian landon mi tre ĝojis, kaj senhezite respondis "Jes!". Tamen, ĝuste antaŭ nia vojaĝo en la Tajvano okazis tertremo en tiu lando kaj mia edzo do ne volis iri tien. Sed mia volo por renkonti geamikojn estis grandega, kaj li ne rompis mian obstinecon. Do ni veturis per aviadilo kaj alvenis al la flughaveno de Kaohsiung en Tajvano, kie loĝas miaj geamikoj sopirataj. Ili bonvenigis nin kaj samtempe ni renkontis paron da du esperantistoj el Busan kiujn

mi ne konis antaŭe.

La itinero de nia tajvana vojaĝo estis de la 24-a de februaro ĝis la 3-a de marto. Post kvartaga vojaĝado kun samideanoj en Pingtung, Ali-monto kaj Jia-yi (嘉義), nur mia edzo kaj mi vojaĝis al Tajpei kaj orienta Tajvano. Ni sentis iometan teruron ĉar nia forta subtenanto Liru ne akompanis nin. Ni ne povis kompreni la tajvanan lingvon, uzinte kutime la anglan dum eksterlandaj vojaĝoj.

En la 28-a de februaro, je la 9-a horo mia edzo kaj mi forveturis per trajno al Ruisui (瑞穗) en la gubernio Hualien. Unue ni veturis per la rapidega traino de Jia-yi ĝis Tajpei, kaj poste transrajdis ankaŭ per rapida trajno de Tajpei ĝis Ruisui. Dum mi estis en la trajno mi povis rimarki, ke dum en okcidento de Tajvano progresis industrio (tie ŝajnis esti multe da fabrikoj kaj altaj konstruaĵoj), en ĝia oriento progresis agrikulturo. Kiam la trajno ekiris al Ruisui, mi povis vidi multe da kaktofruktoj apud la fervojo. Ankaŭ mi vidis kamparon, kaj ĉio ĉi estis interesa al mi. Survoje ni manĝis el manĝoskatolojn kiujn Liru antaŭ mendis por ni. La manĝo estis plena kaj bongusta, sed precipe ŝia prizorgo plej bonigis ĝian guston.

La sekva celstacio estis la hotelo Ruĝfolio Varmfonta en Ruisui. La regiono Hualien plaĉis al mi pro sia situo en la kamparo kun monto triflanke ĉirkaŭanta ĝin. Ankaŭ la hotelo mem estis ĉarma konstruaĵo. Ni iĝis trankvilaj kaj promenis al vilaĝo. Sovaĝaj floroj floris de loko al loko, el la kamentuboj de dometoj elŝvebis fumo, kaj en la korto estis kelke da bananarboj, kies fruktoj pendis amase. Vidi kamparan pejzaĝon ripozigis nin. Poste ni trempis niajn korpojn en la varman fonton kaj bezonis nenion plu. En niaj koroj fluis paco. Ni ekopiniis, ke tajvananoj ŝatas uzi malnovajn aĵojn kiel tiu ĉi fonto.

En la venonta tago, la 1-a de marto, mia edzo kaj mi direktiĝis al la monto Walami kun ĉiĉerono, kies nomo estis Skyler, kaj kiu povis paroli angle. Ni ĝoje ekiris. Babilante ni pasigis la ekskurson. La grandioza monto Walami havas profundan valon kaj multajn arbojn. La pado al ĝia pinto estas serpentuma kaj do taŭga por grimpado.Ni trapasis fluantan akvon kaj dum iom da tempo laŭiris muskitan padon. En iu punkto ni aŭdis ian sonon kaj klopodis serĉi ĝin. Kio kaj kie ĝi estis? Finfine ni eksciis, ke ĝi estas farata de speco de simio kiun ni rigardis silente, sentante

miron antaŭ ĝi. Vidi sovaĝan simion estis bonŝance por mi.

Ni estis antaŭmendintaj biletojn por unutaga vojaĝo en la 2-a de marto, kun Yeliu (野柳), Jinguashi (金瓜石) kaj Ĝiufen(九份) kiel cellokoj. Yeliu havas multajn sablajn rokojn en sia parko, la "Reĝina Kapo" estante la plej fama, kun multaj homoj atendantaj sian vicon por foti ĝin. Jinguashi estis ora minejo dum la periodo de japana subpremo. Mi trovis postrestaĵojn de japana perforto en Tajvano jen kaj jen, same kiel en Koreio. En la muzeo, ni povis tuŝi oron kaj rigardis manĝoskatolojn kiuj antaŭe apartenis al la ministoj. Ĝiufen famas pro siaj ruĝaj lanternoj, kiuj je la sunsubiro eklumiĝas sur la stratoj kaj ekster vendejoj, kiam la urbo tute transformiĝas al lando de sonĝoj kaj multaj homoj promenas laŭ la tieaj ŝtuparoj kaj la diversaj vendejoj estas homplenaj. Ni vidis metiistojn farantajn ornamaĵojn, kio estis aŭtentika sperto por mi.

La 3-a de marto estis tago de reveno al nia hejmlando. Unue ni vizitis la Nacian Palacan Muzeon, kiu estas konata kiel unu el la plej famaj muzeoj en la mondo. En ĝi ni rapide ĉirkaŭrigardis multajn trezorojn, bedaŭrinde tro rapide por ke ni povu ĝisfunde ĝui ĉiujn. Inter ili mi volis vidi la reĝan sigelilon, faritan el jado kun brasika formo, kaj ŝtonon kun vianda formo. Ambaŭ trezoroj estas tre delikataj.

Vizitinte Tajvanon, mi povis diri ke la tajvana kulturo estas kaj granda kaj delikata. Mia edzo kaj mi ofte interparolas pri nia vojaĵo al la lando. Ambaŭ ni laŭdas niajn tajvanajn samideanojn, ĉar ni ŝuldas grandan dankon al ili. Ĉiam iliaj varmaj prizorgoj estas profunde sentataj en niaj koroj.

# Svedaj okuloj rigardas Tajvanon

## 瑞典人眼中的臺灣

**Gunnar Farm (Svedio)**

Dum unu semajno frue en oktobro mi vizitis la belan landon Tajvano. La ĉefa celo de mia vizito estis komerca. Mi havas malgrandan firmaon kiu disvolvis elektro-mekanikan ilon por konduki ĉarojn kun elektraj motoroj, ekzemple elektrajn rulseĝojn. La komerca parto estis sukcesa. Mi trovis kompaniojn kiuj povos produkti partojn de la direktilo kontraŭ pli malalta prezo kompare kun svedaj kompanioj.



Vojaĝante al aliaj landoj mi ĉiam provas trovi okazojn inter-konatiĝi kun samideanoj. Ĉi-foje mi trovis grupon kiu volis renkonti min en Pingtung kaj Kaohsiung. Post komerca vizito al Tainan mi tial daŭrigis la vojaĝon per la rapidega trajno al Kaohsiung, kie samideano Abengo Cho rezervis bonan hotel-ĉambron por mi.

Vendrede matene Abengo renkontiĝis kun mi en la hotelo kaj ni faris promenon al interesaj lokoj en la haveno de Kaohsiung. Mi notis ke la haveno transformiĝis de industria haveno al granda loko por arto, ekstere kaj en diversaj haloj.





Post la promeno ni kune veturis per alia trajno al Pingtung. Tie ni ĝuis bonan tempon inter samideanoj. Ni tagmanĝis en restoracio kun abunda menuo. La bildo montras parton de la ofertitaj manĝaĵoj. Ċirkaŭ tiu tablo ni estis samideanoj el ses nacioj.



Post kelkaj horoj en la restoracio ni pluiris al kafejo kie ni havis kafon, teon kaj kukojn kaj kune kantis akompanite de mia ukulelo. La bildo malsupre montras plimulton el la partoprenantoj.Kelkaj el la samideanoj poste kaptis la okazon havi pied-masaĝon. Tre interesa kaj saniga travivaĵo.Vespere ni revenis al Kaohsiung.

Antaŭ mia reveturo al Taipei mi kaj Abengo faris ekskurson al la natura parko en Kaohsiung, ke oni povas elekti inter multaj vojetoj por atingi la montopinton. En la supro multaj homoj kaptis la okazon trinki iom da bongusta teo aŭ akvo senkoste akirebla ĉe ripozejoj. Survoje oni povis renkonti kelkajn de la 500 enloĝantoj, nome la simioj kiuj libere vivas tie. Bildoj: Mi sidante ĉe granda arbo, Abengo en la ripozejo kaj kelkaj simioj.







Post la vizito al la naturparko mi forlasis la ĉarman sudon de Tajvano kaj la samideanojn tie, pere de la rapidega trajno al



Taipei. Sabate vespere mi denove restis komforte en la hotelo Tango Inn.



Dimanĉe mi kaj kolego ekskursis en Taipei. Inter alie ni supren-veturis per rapida lifto al la elrigardejo de la alta domo ”Taipei 101”. Ni havis bonŝance belan veteron kaj povis vidi la tutan urbon de la 95a etaĝo.Post tio ni veturis al la memora ekspozicio de Ċang Kai Ŝek. Tio donis bonan informon pri la Tajvana historio.La bildo montras mian kolegon ekster unu el la haloj en la ĉirkaŭaĵo.

Multaj impresoj restas post mia vizito al Tajvano. Afablaj homoj, sento de sekureco kiam oni promenis en la urboj, bonaj amaskomunikiloj kaj puraj stratoj. Nur estas bedaŭrinde ke la distanco inter niaj landoj estas tiel granda. Mi volonte revenos al Tajvano sed mi ne scias kiam eblos tio. Alia fakto estas ke veturante per aviadilo oni konsumas grandan pecon de la ebla uzado de energio kaj karbodioksida produktado.



Mi finos mian raporton per unu el la grandaj diferencoj inter Svedio kaj Tajvano: La bildo montras parkejon kun amaso da du-radaj veturiloj. Tio estas bona maniero por havi efikan uzon de la spaco en la urboj. Mi ankaŭ trovis kelkajn kun elektra motoro. Tio eĉ plibonigos la vivmedion por la loĝantoj.



Mi korfunde esperas ke ni iam denove renkontiĝos, ie en Esperantujo.

## Traduko

# 野獸派丈母娘

## 莊裕安

# Mia Bopatrino— la Faŭvistino

### Aŭtoro: D-ro Chuang Yu-an (1959–)

### Elĉiniginto: Ju-kwei Wang

我的丈母娘是個不折不扣的野獸派，舉凡炒菜和作畫。
Pri kuirado kaj pentrado, mia bopatrino estas cent-procenta faŭvistino.

比如說，禮拜天早上十點鐘，靈機一動，來吃飯，我們就乖乖去報到。丈母娘請家常客，再天經地義也不過了，麻煩的是前一天晚上，她還抱怨五十肩。我們擔心的是她要上菜市場，提沉重的菜籃，怕她的體力吃不消。但她往往像個垂簾的太后，來，由不得你置喙餘地。
Ekzemple ŝi povis pro momenta kaprico venigi nin je la deka matene por tagmanĝo, kaj ni devis ĝustatempe obee atingi ŝian domon. Oni povas diri, ke tagmanĝo ĉe domo de bopatrino estas ordinaraĵo, sed la fakto estis, ke ŝi plendis dum la pasinta vespero pri frostigitaj ŝultroj. Ni timas, ke ŝi ne povus porti pezan korbon de manĝaĵoj revene de la bazaro, sed ŝi, kvazaŭ reĝino, malpermesis kontraŭdiron al sia dekreto.

雖然我沒陪她上過菜市場，但我想像她買菜的樣子，一定不亞於一隻尊貴的孟加拉虎。她一定有最靈敏的嗅覺，最挑剔的脾胃，而且對我們，她的女兒和女婿，充滿慈悲。我們其實不像她所想像的那麼可憐蟲，吃三個月前的遠洋雪藏鱈魚鮭魚，等而下之的冷凍水餃、冷凍青豆、冷凍胡蘿蔔。我們樂於逛「萬客隆」，四個禮拜的生鮮一口氣買成，對開罐器、微波爐、冷凍庫，充滿敬意和謝意。可是這一對貪圖便利的小崽子，在她眼中看來，真是營養不良又毫無品味。她上菜市場，面對腥紅嫩白的排骨海鮮，一定充滿「叼」的快意，才四月

天就混身大汗。

Kvankam mi neniam akompanis ŝin al bazaro por aĉeti manĝaĵojn, mi povas imagi, ke ŝia negoca maniero povus simili tiun de nobela bengala tigro. Ŝia flara povo estas delikata, ŝia apetito estas elektema, kaj ŝia sinteno al ni, ŝiaj filino kaj bofilo, estis plena je komplezo. Ni ne kompatinde manĝis, kiel ŝi pensis, moruojn aŭ salmojn kaptitajn kaj frostigitajn antaŭ tri monatoj de malproksima oceano, aŭ eĉ pli kompatinde, manĝis frostigitajn ĝjaŭziojn, pizojn kaj karotojn. Ni ŝatas viziti bazarojn kiel "Makro"-superbazaro kaj tie aĉeti en unu fojo manĝaĵojn sufiĉajn por kvar semajnoj. Ni respektas kaj dankas tiajn ilojn kiajn malfermilon por ladskatoloj, mikroondan fornon kaj fridujon. Sed laŭ ŝia vidpunkto, la manĝaĵoj de tiuj du etuloj estas kaj sennutraj kaj sengustaj. Kiam ŝi vizitis la superbazaron, la skarlataj ripaĵoj kaj la jadblankaj marmanĝaĵoj devas tiel veki ŝian gastronoman ravon, ke ŝi jam ŝvitis en la aprila varmeto.

我沒有見過丈母娘在菜市場的虎虎生風，但碰上她在廚房耍刀弄鉞，她習慣將冰毛巾繫於額前或項間，看來真像日本料理店吆三喝四的大廚。但不同於指揮的領班，誰也不要來當幫手，以免礙著她的腕肘肩臂。她炒菜的時候，一定希望廚房有半個操場那麼大。有時候索性關了穿堂的門，以便一個人在裡頭大顯身手。如果杜甫再世。說不定也會贈她那首＜觀公孫大娘弟子舞劍器行＞的名句，「 燿如羿射九日落，嬌如群帝驂龍翔；來如雷霆收震怒，罷如江海凝青光。」總之，她的熱力不亞於指揮一整個交響樂團。

Mi neniam vidis la tigran imponon de bopatrino en la bazaro, sed mi ofte vidis skermadon en la kuirejo. Ŝi volvis viŝtukon ĉirkaŭ sia frunto aŭ kolo, kaj aperis kiel japana ĉefkuiristo; sed malsame de ĉefkuiristo, neniu helpis ŝin kuiri, pro timo malhelpi ŝiajn pojnojn, kubutojn, ŝultrojn aŭ sidvangojn. Kiam ŝi faris fritadon, ŝi esperis, ke la kuirejo estu tiel granda kiel sportejo. Iam ŝi fermis ĝian pordon por danci dum fritado. Se Du Fu ankoraŭ vivus, li povus laŭdi mian bopatrinon en versoj similaj al tiuj laŭdantaj la disĉiplinon de s-ino Gongsun dum danco de glavo:

Ŝia bril' similis naŭ pafitajn sunojn suferante falon.

Ŝia ŝveb' similis drakteamon obeante generalon.

Ŝia marŝ' similis muĝajn tondrojn amasigante koleron.

Ŝia halt' similis glacion ŝtopantan maron kaj riveron.

野獸派丈母娘對食物的信念是，價格不必昂貴，但一定要新鮮，從篩選原料到烹飪上桌。她永遠希望，在你按門鈴之際，熱炒的食物才下鍋，食物在鍋鏟與口舌之間，最好不要超過三十秒。那些剛洗過的菠菜，真的像一隻隻會飛的鸚鵡，從水槽飛到餐桌，還維持紅喙綠羽的生鮮活脫。她炒米粉，翻動鍋鏟的樣子，彷彿是另外有一對借來的肩膀，不是年過五十痛於風濕的那雙。
La principo pri manĝaĵo de la faŭvista bopatrino estas, ke ĝia prezo ne gravas, sed ĝi devas esti freŝa kaj dum aĉetado kaj dum kuirado. Ŝi ĉiam volis meti la manĝaĵon en la poton kiam vi premas la pordosonorilon, kaj preferis, ke inter la tempo kiam la manĝaĵo disiĝas de la spatelo kaj la tempo kiam ĝi eniras la buŝon estu malpli ol 30 sekundoj. La ĵus lavita spinaco similis papagon kiu flugis de la lavujo al la manĝotablo, konservante siajn verdajn plumojn kaj ruĝajn bekojn. Turnante la spatelon por friti riznudelojn, ŝi ŝajne pruntis ŝultrojn anstataŭ uzi la siajn, kiuj eksuferis reŭmatismon post ŝia 50-jariĝo.

她上桌進食，通常是別人已酒過三巡，但她飛紅酡頰，彷彿偷喝過半瓶紹興。她坐下來第一個聲息，往往是嘆一口大氣，欸，人是會老的，說一些蒙田或培根說過的陳腔雋語。只有積勞的農夫，抱著秋天金黃色的麥穗，才會出現的疲憊夾雜喜悅。她動碗筷時，飯菜已經不再冒熱氣，我們雖然狼吞虎嚥過了，但一定要陪她四處逛逛，清一清盤底。她吃飯的心情，也許像個善於算計的水果商人，把最光鮮滑脆的一批高價賣出，剩下臥底瑕疵，再留給自己。她最喜歡配食的，也許不是扁魚白菜或蒜三層，極可能最開胃的是我們的笑聲和讚語。她難道是再世的僧侶，好運祝福給別人，自己只留粗茶淡飯就滿意。
Ŝi venis al la tablo ordinare kiam aliuloj jam trinkis tri tasojn da vino. Tamen ŝiaj vangoj ruĝiĝis kvazaŭ ŝi estus ŝtele trinkinta duonan botelon da Ŝaoŝjinga vino. Kiam ŝi sidiĝis, ŝi ekĝemis, kaj diris kliŝigitajn aforismojn de Francis Bacon (1561–1626) aŭ Michel de Montaigne (1533–1592): Nur la laborema terkulturisto, prenante la orkolorajn tritikajn spikojn en aŭtuno, povas montri lacon kun ĝojo. Kiam ŝi venis manĝi, la manĝaĵoj jam malvarmiĝis. Kvankam ni sufiĉe manĝis, ni devis daŭre manĝeti por akompani ŝin, ĝis ĉiuj pladoj estis elmanĝitaj. Ŝia penso pri manĝo similis tiun de fruktovendisto, kiu je alta prezo elvendis la belajn bongustajn fruktojn kaj postlasis la malpli belajn fruktojn al si. Eble tio, kion ŝi plej ŝatis ne estis rombofiŝo kun brasiko aŭ ŝinkolardo en ajla saŭco, sed niaj ridoj kaj

laŭdoj. Ĉu ŝi en sia antaŭa enkarniĝo estis bonzo kiu benis aliulojn per bonsorto kaj postlasis nur krudajn manĝaĵojn al si?

你不要以為我們尊貴的孟加拉虎，在杯盤狼籍之後，已顯衰頹之意，其實大戲才要正式上場。等到戰場從飯廳移轉到客廳，這回她不切水果了，下廚收拾頂好是兒女的活兒，她急著為我開畫展。她扛出畫布的樣子，又回復逛菜市場的威風凜凜，好像歌劇的第二幕掀起紅簾，恩恩怨怨要在這一回合算計了斷。
Ne pensu, ke nia nobla bengala tigro laciĝis kiam la pladoj malpleniĝis. Male. Tiam la ĉefsceno estis nur komencota. Ŝi ne tranĉis la fruktojn. Telerlavado estis laboro de la gefiloj. Ŝi estis ekspozicionta pentraĵojn. Kiam ŝi elportis la pentritajn tolojn, ŝia mieno estis impona kvazaŭ ŝi estus en la bazaro. La dua akto de la opero komenciĝos. La intrigo de la dramo venos al la kulmino.

吃人嘴軟，這回我給評語，絕不像平日寫給報社雜誌，那些書籍或唱片的口吻。現在，我當然不是什麼道貌岸然的畫評家，我是某個巴洛克混聲合唱團的男中音，除了「哈利路亞」、「讚美吾主」的歌詞以外，什麼也別多唱。但我的丈母娘絕對不像上帝那麼好巴結，你要說她好，一定明確說她好在那裡。所以我開始急得流汗，不只汗滴額眉，一定要溼透背心，才表現我報答誠意。
Regalite de ŝi, mi ne povis mallaŭdi ŝin kiel en la tono de miaj artikoloj en ĵurnaloj kontraŭ aŭtoroj de libroj aŭ muzikaj diskoj. Tiam mi ne plu estis kritikanto de pentraĵoj, sed nur baritono en baroka ĥoro kiu kantas nur “haleluja" kaj ”laŭdu la Sinjoron“. Sed mia bopatrino ne estis tiel facile laŭdita: kiam vi diras ke la pentraĵo estas bona, vi devis klare indiki la bonaĵojn. Do mi ŝvitis. La ŝvito ne nur gutis de mia frunto, sed ankaŭ trempis mian t-ĉemizon, antaŭ ol mi povis montri mian honeston al ŝi.

我豐富的修辭語彙，可能就是在這個節骨眼練就的。我的丈母娘上山下海，扛畫架、顏料和水壺的辛勞，我一定要陪她付點代價，絕不是塞給她一排止痛膠囊就了結。這回我要陪她飯後消遣是演戲，我背手睇畫的派頭，像蘇富比拍賣場派來的高級專員。我可不能一味讚美，否則將帶來一陣勃怒，丈母娘耳根的確有點軟，但你不許一開始就放軟話。而你也絕不可劈頭就砍，那樣的災殃惠加倍嚴重。因為丈母娘的畫，經常是毫無瑕疵的，倘若有，那也必須由她口中

自己說出，輪不到你的。

Mia abunda retorika vortprovizo estis gajnita dum tiaj cirkonstancoj. Ĉiufoje de mia bopatrino – kiu, portante stablon, farbojn kaj akvokruĉon, iris sur monton kaj apud maron – mi ne povas fuĝi post ol doni al ŝi sendolorigajn pilolojn. Ŝi volis, ke mi post festeno aktoru kiel altranga eksperto sendita de la aŭkciejo Sotheby, kontrolante la pentraĵojn kun manoj malantaŭ mia dorso. Nura laŭdo alportus al mi ŝian koleron, kaj mallaŭdo en la komenco duobligis la katastrofon. Efektive la pentraĵoj de mia bopatrino estis preskaŭ sen difekto, kaj devus esti ŝi kaj ne iu alia kiu malkaŝu la difekton.

於是你最好順水推舟，把三分眼力放在畫，七分精神投注人。你得正眼看畫，餘光掃她，偷瞄她是開顏或皺眉。當她皺眉時，你要捉住她畫布上的角落，到底是不滿意雲霞、花叢或溪流。倘若你逮到她所不滿意的地方是花叢，你可以表白，是要添加一點綠還是添一點紅。其實結論往往是不必增刪，因為畫作總完滿自足，無須再琢磨。但你如果說得如此乾脆，又如何能表達滿腹的誠意？你必須用滿腔滿嘴的介係詞和副詞，愈多愈好，多到你自己都快攪不清楚的修辭，因為下一句總是在辯駁和修正上一句。你說出的話，最能迎合作文老師批改的快意，他可以紅筆從頭到尾一刪，只留下你作結論的那一句。其實你一點也不三心二意，篤定那畫面無須再添顏料，但你永遠得迂迴，陪丈母娘打開心結，從山腳繞到山頂，最後才陪她大聲對群山歡呼，這是一張曠世不朽的名作。

Mia plej bona politiko estis, ke mi rekte rigardu la pentraĵon per 30% de mia energio, kaj uzu la alian 70% por strabi al ŝia mieno. Kiam ŝi kuntiris siajn brovojn, mi devis kapti la lokon kiu malkontentigis ŝin: ĉu ĝi estas la nubo aŭ la rivero sur la angulo de la pentraĵo? Se ĝi estus la bosketo de floroj, vi povus diri, ke ŝi povus aldoni iomete da ruĝa aŭ verda koloro. Tamen por indiki mian sincerecon, mi ne povus senpere diri tion. Mi devis uzi multajn prepoziciojn kaj adverbojn por atingi tiun konkludon. La prepozicio kaj adverboj devis esti tiom multaj ke ili kontraŭis la principojn de retoriko, ĉar ĉiu frazo estis renversita de la sekvanta frazo. Tia verko certe ĝojigus la instruiston de verkekzercoj, ĉar li per sia plumo kun ruĝa inko forigus ĉion escepte de la konkludo. Okaze de certeco ke ŝi ne devis aldoni ion al la pentraĵo, mi devis serpentumi de montbazo ĝis montsupro por malfermi la nodon en ŝia koro, kaj finfine kun ŝi aklami ĝin kiel ĉefverkon de nia epoko.

親愛的朋友，希望你不要憎恨我狗嘴巴結模樣，我是世紀偉大的弄臣，並且在進行我的整體治療計劃。在強迫她吞服一粒普拿疼之後，我開始運用我的腹語催眠術，治療丈母娘的「後更年期症候群」。我的丈母娘其實是好福氣的，不是說她有我這樣的女婿，當然算我錦上添花也行，她的福氣在於年屆花甲還能熱心創作。她的畫往往是飆來的，有時他坐在很漂亮的庭園，一兩小時還不一定能下筆。後來竟來一個管理員請她出去，原來是處私宅，再鐵門一扣剎那，說也奇怪，靈感來了，就從鐵欄杆縫中偷窺，把好風景全搬進畫布。

Kara amiko, ne abomenu mian flatemon. Mi estas la ĉefa favorita kortegano kiu plenumas sian projekton de ĝisfunda kuracado. Manĝiginte al ŝi pilolon de acetaminofeno, mi uzis mian hipnotigon per alventra parolado por kuraci la post-menstropaŭzajn sindromojn de bopatrino. Mia bopatrino estis bonsorta. Estis kroma bonsorto havi tian bonan bofilon kia mi estas. La ĉefa bonsorto estas, ke havinte pli ol sesdek jarojn ŝi ankoraŭ entuziasme verkis pentraĵojn. Ŝiaj inspiroj ofte venis en hasto. Ŝi sidis en ies bela ĝardeno dum 1-2 horoj kaj povis pentri nenion. La pordisto venis peti ŝin foriri, kaj dum la momento kiam la fera pordo ekfermiĝis, la sceno en la fendo de la pordo donis al ŝi la inspiron, kaj jen venius bela pentraĵo de pejzaĝo.

如果畫出一張曠世的名作，必須賠上一隻耳朵，像我們的梵谷大師，丈母娘有可能點頭答應。丈母娘最嚮往的大去方式，也許是自覺畫了一幅十分滿意的作品，在最後一筆還沒抹上之前，心臟病發。這一點浪漫，我們娘婿還算沆瀣一氣，我是一個壞的醫生，鼓勵她去淋雨、擠車、跋涉，只圖畫出幾幅得意的作品。就像明明週末去郊外寫生，禮拜天鬧頭疼，還任由她去菜市場，辦一頓豐盛的筵席。對她而言，這其中佈滿生命的奧秘與狂喜。

Por pentri ĉefverkon la bopatrino eĉ volis pagi sian orelon, kiel nia majstro Van Gogh faris. La plej sopirata maniero de morto por bopatrino povis esti kiam ŝi pentris satigan pentraĵon kaj falis antaŭ la lasta strio pro koratako. Mi aprobas tiun romantikan ideon. Mi estas malbona doktoro, kiu ĉiam kuraĝigis ŝin eliri en pluvon, premi sin en buson aŭ promeni sur malebenaj vojoj por pentri el la urbo. Iam ŝi en iu sabato iris al antaŭurbo por pentri kaj dimanĉon suferis kapdoloron, sed eĉ kun la doloro ŝi kuiris frandaĵojn por regali nin. Ŝi el tio trovis la sekreton kaj ekstazon de la vivo.

我之所以戲稱丈母娘「野獸派」，因為她最服膺的畫家是馬蒂斯。丈母娘畫兩頭牛，像兩團長著角的烏雲，你委實弄不清楚，為著這樣抽象的東西，她一定要跋山涉水去實景寫生。丈母娘有時候盯著寫生的景物，一直看到實體的輪廓快消逝了，她才將它們移入畫布。她的畫經常呈現狂喜的出神狀態，所以每每筆成，就難再修改，有幾次不信，落得進退兩難。如果她是演奏家，那一定是「音樂會型」的，觀眾愈多，逼得她愈彈愈好，他決不是窮蘑菇的「錄音室型」。丈母娘最拿手的大概是火鶴花，那天堂鳥像在天堂跳舞，但不是優雅幸福的，而是汗水淋漓銷魂虛脫，像史特拉汶司基粗獷原始的芭蕾《火鳥》。她的畫不是惹人憐愛的寫實風，甚至她對照相寫實的作品有所憎惡，她的世界總有一股浮動，那股浮動，哪，像足了廚房瀰漫的油煙蒸氣。原來她烹飪，一如作畫，是那樣強調色澤和即興，只有「熱」這個字能概括她的風格。
Mi nomis mian bopatrinon faŭvistino, ĉar ŝia plej adorata pentristo estis Henri Matisse (1869–1945). Iam la bopatrino pentris du bovojn, kiuj similis du nigrajn nimbusojn kun kornoj. Mi ne komprenas, kial por pentri tiajn abstraktajn objektojn ŝi devis pene iri al la antaŭurbo. Ŝi iam fiksrigardis iun objekton tiel longe, ke ĝia konturo svagis. Nur tiam ŝi tuŝis al la pentrotolo, ĉar ŝia pentraĵo montris ian ekstazan staton kiu, post finpentro, estis malfacile korektita. Foje mi ne kredis tion, kaj mi venis al senelirejo. Se ŝi estus muzika ludistino, ŝi estus de la koncerta tipo, ke ju pli multaj estus la aŭskultantoj, ju pli streĉite ŝi sentus sin kaj des pli bone ŝi ludus. Ŝi neniel estis de la tipo de sonregistra ateliero. Inter floroj ŝi ŝatis la flamengofloron (Anthurium andraenum) kaj la birdon de paradizo (Strelitzia reginae), sed la danco de la birdo de paradizo ne estis eleganta aŭ feliĉa: ĝi estas ŝvitplena kaj prostracia, kiel en la rustika praa baleto Fajrobirdo de Igor Stravinsky (1882–1971). Ŝiaj pentraĵoj ne estis amindaj realismaj verkoj. Ŝi eĉ malamis fotojn. En ŝia mondo ĉiam estis ia flosado, kiu similis la vaporon en la kuirejo. He! Kaj ŝia kuirado kaj ŝia pentrado emfazis koloron kaj improvizemon. Nur la vorto varmo povus resume priskribi ŝian stilon.

丈母娘要是不畫，那就可慘了，她可能在家裡忙著量血壓。她打電話來的時候，你會以為是一隻貓要來看病掛號。什麼時候開始時移勢遷的，她說話的口吻，又變成一個女兒。我想，我的藥櫃上，沒有一種藥是可以剋她的。她懨懶的樣子，我太了解了，就像我一整個禮拜遠離稿紙，別問我怎麼辦，我是你

的雙胞胎。
Estas katastrofo se la bopatrino ne pentris. Ŝi hejme mezuris sian sangan premon. Kiam ŝi telefonis al mi, mi kredis ke estas kato serĉanta kuracon. Mi ne scias ekde kiam ŝia impono malfortiĝis. Ŝi parolis kiel mia filino. Mi pensas, ke neniu medikamento povas kuraci ŝin. Mi tute komprenis ŝian enuon kaj ŝian lacecon. Ilin ankaŭ mi sentas, kiam mi ne verkas literaturon dum tuta semajno. Ne demandu al mi kion vi devus fari. Mi estas via ĝemelo.

女婿看丈母娘，愈看愈有趣，她是不折不扣的野獸派，懨懨波斯貓，炯炯孟加拉虎。
Ju pli la bofilo rigardas la bopatrinon, des pli interesa ŝi estas. Mia bopatrino estas centprocenta faŭvistino, laca persa kato kaj fiera bengala tigro.

Fonto de ĉina teksto:
周芬伶、鍾怡雯主編: 散文讀本, 二魚文化事業有限公司，台北。285－292頁。
ISBN 986-80441-6-2 (平裝)

# AFORISM-e　人生箴言

**Esperante verkita de Mori,**

**ĉine tradukita de Abengo**

駐美伊朗詩人摩利2018年5月1日世界語原著，刊登在Ipernity，阿明哥中譯

La plej bona gvidanto

sur la tero

estas tiu, kiu savas popolon

el mizero.

世上最好的領導

是能拯救人民苦難者

# Anoncoj

**2019** 年 **UEA** 會費表 (UEA membreco por 2019)

**MB** 會員網路版世界語 Esperanto 雜誌及年度手冊 **1000NT**

(未滿 35 歲者 [含] 前, 成為 TEJO會員不另加收費用並贈送 Kontakto 雜誌)

**MB(-50%):**20-25 歲會員，享有基本會員 MB 優待。 **500 NT**

MB(-75%): 19 歲（含）以下，享有基本會員 MB 優待。 **300 NT**

**MA** 會員訂閱者，基本權利如 MB，並獲寄送紙本發行雜誌。 **2200 NT**

**SA** 只訂閱 Esperanto 雜誌 (一年 12 期) **1300 NT**

**KTO** 只訂閱 Kontakto 雜誌 (一年 4 期) **670 NT**

**Beletra Almanako 2019**

BA-Jarabono 2019 (3numeroj: BA34, BA35, BA36) **1300 NT**

**Juna amiko**

Revuo por komencantoj, por unu jaro kaj 3 numeroj **500 NT**

**Formoza Folio**

Unu numero **100 NT**

Se vi deziras aboni iujn el tiuj gazetoj aŭ membriĝi en UEA bv. pagi la necesan sumon al la poŝtkonto menciita sube kaj informi min.

rezamenhof@yahoo.com

Line: rezakheirkhah Tel: 0925 179 757

如果你想訂閱雜誌或入會成為國際世界語協會 UEA 會員，請付款至以下帳戶

郵局帳戶 戶名：薛瑞察
存簿帳號: 0071001 1370724

粉絲頁 Facebook 台灣世界語生活圈 Tajvana Esperantujo

https://www.facebook.com/esperanto.tw/

# FORMOZA FOLIO

# 台灣世界語報

La gazeto de Tajvanaj Esperantistoj

**Adreso:** Reza Kheirkhah 薛瑞察

屏東市重慶路105號 900-73 Taiwan

Chung Ching Lu 105,

TW 900-73 Pingtung,

Tajvano

Tel: +886-8-7326334，0925179757

**Redtadreso:** **rezamenhof@yahoo.com**

**Redaktis:** Reza Kheirkhah

**Ĉinaj tradukoj:** Abengo, Liru

**Titol-paĝoj:** Ailin Kheirkhah 薛維寧

**Abontarifoj:**

enlanda: 100 NT por unu numero

eksterlanda: 3 EUR por unu numero

(inkluzivas sendokoston)

(uea-konto: mrkk-c)

